XIX^a jaro. N° 273 (5) ☆ Monata ☆ Majo 1923

# ESPERANTO

Oficiala organo de UNIVERSALA ESPERANTO-ASOCIO

JARA ABONO

| | |
|---|---|
| Simpla abono | 10.— Fr. Sv. |
| Kun la membreco de UEA | 12.50 Fr. Sv. |
| Unu numero | 1.— Fr. Sv. |

*Svisa poŝtĉeko I. 2310. — La abonoj komenciĝas en januaro*

REKLAMO

| | |
|---|---|
| **Anonco** (unu centimetra kolonero) | 2.— Fr. Sv. |
| **Anonceto** (1 linio: 10 vortoj) | 0.50 Fr. Sv. |
| **Korespondado** (1 enskribo) | 0.75 Fr. Sv. |

*Vidu naciajn prezojn en la koncerna fako!*

FONDINTO: HECTOR HODLER

GVIDANTO: D-ro EDMOND PRIVAT

ADRESO DE LA REDAKTEJO KAJ ADMINISTREJO: 12, BOULEVARD DU THÉATRE, GENÈVE

*La Redaktejo ne povas resendi manuskriptojn. Lasta dato por ricevo: la 15a de ĉiu monato. Oni skribu tre legeble kaj konservu kopion.*



## Por nia XVa Universala Kongreso.

Sur alia paĝo nia Nürnberga ĉeforganizanto trankviligas eksterlandajn samideanojn pri vojaĝkondiĉoj al Bavario kaj donas utilajn informojn pri la kongreso. Antaŭ la kongreso en Helsingfors ni ja diskutis tute malkaŝe kun niaj francaj kaj germanaj amikoj pri la preferindeco atendi ankoraŭ kelkajn jarojn por kunveni en iu el la ĉefmilitintaj landoj. Aliaj argumentoj aŭdiĝis. Ankaŭ neniu alia urbo invitis por 1923.

Lojale ni do akceptis la inviton de Nürnberg. Nun lojale ni devas helpi al la sukceso de l' kongreso dankinte al niaj Nürnbergaj samideanoj pro la jam granda laboro efektivigita. Jam 3000 aliĝoj venis. Preninte sur sin tiun grandan respondecon en cirkonstancoj ne facilaj, ili sendube faros ĉion eblan por ke ĉiuj eksterlandaj kongresanoj senescepte sentu sin en Esperantujo kiel egalaj kaj bonvenantaj anoj de nia granda rondo familia.

Dum la vojaĝo kaj kongreso ĉiuj, gastoj kaj gastigantoj estu antaŭ ĉio esperantistoj, parolu nian lingvon, okupiĝu pri nia movado kaj ripozu kelktage el naciaj zorgoj por vivi „sur neŭtrala lingva fundamento" en atmosfero de l' estonteco internacia kaj homara. Ne estas la kulpo de l' esperantistoj, se la politikistoj de Eŭropo kaj Ameriko ne sukcesis ĝis nun solvi gravajn ekonomiajn problemojn. Dume estus nia kulpo, se Esperanto ne progresus, kiel ĝi devas, post tiom da kuraĝigaj sukcesoj.

Tial ni partoprenu la kongreson por nia celo esperantista kaj lasu flanke la aliajn aferojn pri religio, politiko aŭ ekonomio, en kiu niaj sentoj, kredoj aŭ interesoj nature diferencas. Pri unu afero ni ĉiuj konsentas, t. e. pri nia komuna volo disvastigi Esperanton, kiel mondlingvon helpontan la homaron al pli bona interkompreno unue en praktikaj aferoj kaj pliposte ankaŭ en moralaj, kiel antaŭvidis mem Zamenhof.

En la lando kie ni kunvenos la idistoj havis sian duan kaj havos sian trian kongreson. Necesos montri al la publiko la veran proporcion inter la du movadoj, la vastan konstrueman abelaron kaj la nur pikzumantan vespareton. En la urbo kie fondiĝis la unua klubo de esperantistoj en la mondo, estos taŭge mezuri la vojon faritan dum tridek jaroj kaj valorigi la riĉegan sperton alportitan de la vivo.

La teknikaj konferencoj de Ĝenevo kaj Venezia kolektigis faktojn pri tri gravaj kampoj de nia agado: instruado, komerco kaj turismo. Estus rekomendinde ke nia ĝenerala kongreso donu al ni dokumentaron pri la tuta esp. movado en ĉiuj landoj de la mondo. Ĝi devus esti granda kunveno de ĉiuj esperanto-societoj, en kiu bonaj resumaj raportoj estus prezentataj.

La Akademio, UEA kaj pluraj fakaj asocioj prezentos sian. La naciaj societoj interkonsiliĝos. Krom la festoj, estus bone ke la esperantista popolo profitu la okazon por okazigi seriozan diskuton, ne plu pri organizaj problemoj, sed pri nia afero mem: la konkero de la mondo. Tio ja estu la programo de nia XVa Kongreso: militkonsiliĝo por la triumfigo de Esperanto.

*Edmond Privat.*

# L. van Beethoven kaj lia IXa simfonio.

Komentario kaj teksto okaze de ĝia prezentado dum la XVa Esperanto-Kongreso en Nürnberg

de *Paul Bennemann*, Leipzig.

Beethoven! Per tremoj de respekto kaj amo la nura sono de tiu nomo plenigas ĉiun homon, kies koro estas kapabla, senti la beatigan, misteran sorĉon de la muziko. Kun admiro ni staras antaŭ tiu manifestacio de la homa genio, same granda en sia arto kiel en sia vivo. Persekutata de ĉiama kruela sorto, per skrupula penado li elŝpinis el siaj riĉaj koro kaj intelekto la eternajn sonantajn pensojn, kiuj edifis la homojn en ĉiuj kulturitaj landoj de antaŭ 100 jaroj kaj edifos ilin, ĝis kiam la lasta kordo estos ŝiriĝinta sur la lasta violono.

Estis bona ideo de la komitato por la kongreso en Nürnberg, prezenti al la tutmonda samideanaro la lastan el la 9 simfonioj de Beethoven, ĉar la muziko estas ja ankaŭ lingvo internacia; kaj se ĝi elparolas tiajn profundajn, kortuŝajn kaj suprenlevantajn pensojn, kiel tiu ĉi verko, ĝi estas inda oratoro antaŭ feste sentanta aŭdantaro. Sed ankaŭ tiu ĉi lingvo havas gramatikon, kiun almenaŭ iom oni devas koni, por plene kompreni kaj ĝui ĝiajn eldirojn, des pli multe, ĉar la muziko ja ne parolas per klaraj vortoj, sed per melodioj kaj akordoj, kiuj permesas kelksencan tradukon en la lingvon de l' ordinara vivo. Kelkiu nemuzikulo, nesperta en tiaj tradukoj, eble rezignus la ĉeeston en tiu prezentado, kredante, ke li ne havas orelon por tia nekonata de li lingvo. Mi dezirus, per ĉi tiu mia artikoleto enmanigi al tiaj nemuzikfakaj samideanoj modestan gvidilon tra la grandioza verko; kaj mi estus feliĉa, se mi sukcesus, gvidi almenaŭ kelkajn dekduojn al ĝuo, kiun dum sia vivo ĝis nun ili eble neniam havis.

Oni ne timu, ke mi parolos nun pri la misteroj de l' kontrapunkto, de l' melodikonstruado, de l' aranĝo de la orkestro-instrumentoj ktp. Mi nur citos kelkajn motivojn el la verko, kiuj servu kiel vojmontriloj, kaj aldonos kelkajn faktojn el la vivo kaj karaktero de Beethoven, ilustrantajn la idean enhavon de la muzika evoluo sur la vojo de ili montrita. Mi bone scias, ke tia procedo ne estas scienca. Tial mi diras refoje, ke mi ne turnas min per ĉi tiuj linioj al la fakistoj, sed al tiuj sentemaj homoj, kiuj havas intereson, foje aŭdi kaj kompreni la pensojn de geniulo per la muziko, al kio ili eble jam kelkiam sopiris — sensukcese, ĉar ili ne trovis gvidanton.

Kaj krome: La verkoj de Beethoven — kiel de ĉiu vera artisto — estas konfesoj de internaj travivaĵoj, esprimitaj en ĝenerale-homa formo. En la IXa simfonio speciale li donis al ni la epilogon de sia vivo, ĝin superrigardante kiel mortonto kaj tirante el ĝi la kvintesencon de jardekoj. Ankaŭ tio pravigas ĝis certa grado la manieron de la ĉi suba komentario. —

La IXa simfonio de Beethoven — kiel preskaŭ ĉiu alia — konsistas el kvar partoj, kiuj diferencas per siaj temoj, movo, takto kaj precipe la idea enhavo.

*1a parto: Allegro, ma non troppo, ma un poco maestoso (Rapide, tamen ne tro, sed iom majeste). — La komponisto montras al ni la situacion de homo sen ĝojo (1).*) Ni vidas la batalon de tiu imagata homo kontraŭ rigora, malfavora sorto (2, 3, 6a). Obstine kaj fiere, kun nobla energio li luktas kun la superforta malamiko. Kelkfoje ŝajnas, kvazaŭ la ĝojo, por kiu Dio kreis la homon, venas, por preni lin ĉe la mano (4, 5, 6b, 7, 8). Sed fine de l' parto la fatalo etendiĝas ree ĝis titana grandego kaj per fortaj batoj (2) terenĵetas la mizeran, je ĉiu ĝojo senigitan homon.*

*) La nombroj montras al la respektivaj motivoj sur la apuda tabulo.

Beethoven naskiĝis 1770 en Bonn ĉe la Rhein. La mizero de l' vivo lin salutis jam ĉe la lulilo, ĉar lia patro, kvankam talenta muzikisto, estis drinkulo, kiu baldaŭ perdis sian situacion, kaj tial Beethoven jam en junulaj jaroj devis akiri per sia arto la vivrimedojn por la gepatroj kaj du fratoj. Postki m en 1792 li estis veninta al Wien, la suno de l' feliĉo komencis iomete lumi sur lin. Haydn fariĝis lia instruanto; en la riĉaj salonoj de la aŭstra nobelularo oni gloris la fenomenan virtuozon de l' fortepiano. Sed jam en 1796 lia aŭdsento pli kaj pli forlasis lin, kaj post kelkaj jaroj li tute surdiĝis. Surda muzikisto — kia tragedio! Kiu homo povus toleri tion nemalesperante? Sed ĝuste dum la 20 jaroj de sia surdeco Beethoven kreis la plej belajn el siaj verkoj, kvankam li povis aŭdi ilin nur per la interna orelo. Ĉar li posedis fortan energion kaj fieron. Ĝis tiam oni estis rigardinta la muzikistojn nur kiel servistojn; ekz. la biografio de Mozart montras, kiel tiu majstro suferis per la aroganteco de la riĉuloj, kiuj tamen pagis lian arton kaj kiujn tial li ne povis malatenti. Beethoven estis la unua muzikisto, kiu sukcese postulis por si kiel artisto la honoron, kiun la genio meritas. Al la princo Lichnowsky li skribis iam: „Kio vi estas, tio vi fariĝis per okazo kaj naskiĝo; kio estas mi, tio mi fariĝis per mi mem. Da princoj ekzistis kaj ekzistos miloj; sed ekzistas nur unu Beethoven!“ Kaj per sama energio li batalis kontraŭ la terura fantomo de la surdiĝo. „Forto estas la moralo de homoj, kiuj distingas antaŭ aliaj; ĝi estas ankaŭ la mia.“ Kaj en momento, kiam la konscio pri lia sorto tro potence lin atakis, li skribis: „Mi volas kapti la sorton ĉe la gorĝo! Ne tute ĝi humiligos min!“

La lastaj jaroj de lia vivo estis turmentaj pro la zorgoj pri liaj du fratoj, kiuj sekvis la paŝojn de sia patro. Malnobla konduto, egoismo, maldanko ŝajnis al la majstro la estroj de l' mondo, kiun nur en maloftaj feliĉaj momentoj li rigardis kiel sian veran hejmlandon. La 26an de marto en 1827, post 24-hora agonio, li mortis, dum ekstere la bruegoj de printempa fulmotondro ekskuis la teron. —

*2a parto: Molto vivace (Tre vigle). — En tiu ĉi parto la komponisto sendas la homon en la mondon, por serĉi la ĝojon. Kvazaŭ reakcie al la terura situacio de la unua parto li ĵetas sin en la torenton de bruaj amuzoj (9, 10, 11). Li volas forgesi, volas superkrii la mordantan sopiron en sia koro. Tamen li sentas, ke tio ne estas vera ĝojo, sed nur speco de ebrieco. Simpla, kamparana dancmelodio (12) interrompas la furiozan bakhanalon. Sed baldaŭ la unua motivo (9) revenas kaj kuregas al abrupta finiĝo — la ĝojon ne trovis la homo sur tiu ĉi vojo.*

Beethoven neniam estis amiko de bruaj amuziĝoj. Sed en la gaja urbo Wien kaj precipe dum la tiea pompa packongreso en 1815 li havis okazon vidi, kiel kaj kie la ordinara mondo serĉas sian ĝojon. Kontraŭe la enŝovita epizodo de tiu ĉi parto (12) pli multe konformiĝas al lia persono. Ĝi ja kondukas nin en la naturon, kiun Beethoven tiom amis, ke ĉiutage, en ĉiu sezono, eĉ dum pluvado kaj fulmotondroj li promenis, ofte promenkuris tra la proksima kaj malproksima ĉirkaŭaĵo de la urbo. Dum tiaj migradoj li komponis tion, kion poste li skribis hejme sur la paperon. Eble ankaŭ tiun vilaĝan dancon li ŝuldas al kamparana festo, kie la simpla kampularo naive sin donis al sia natura gajeco. —

*3a parto: Adagio molto e cantabile (Tre malrapide kaj kantante). — Plej forte kontrastas tiu ĉi parto al la 2a. La homo forlasas la lokon de la bruanta diboĉado, por enprofundiĝi en sin mem. Konsolo kaj espero, rememoroj kaj pensoj de l' amo dolĉe resonas en lia koro; la animo sin turnas al la benanta patro super la steloj. Neniam Beethoven kantis pli kortuŝan melodion (13). La rememoro al la pasinta stato de maltrankvileco ja ankoraŭ ne tute mortis (14); sed energia fanfaro (15) jam anoncas la baldaŭan kaj porĉiaman leviĝon de la suno de l' ĝojo.*

# La ĉefaj muzikaj temoj el: Beethoven, IXa simfonio.

*Rapide, tamen ne tro, sed iom majeste.*

1. 2. *kun okt.* 3. 4. *dolĉe* 5. 6. 7. 8.

9. *Tre vigle.* 10. 11. 12.

*Tre malrapide kaj kantante.* 13. 14.

*Rapidege* 15. 16.

17. *Tre rapide.*

Go-jo, be-la Di-a faj-ro, i-do el E-
ly-si-um, fajr-e-bri-aj ni en-i-ras temp-lon vi-an di-a lum'. Ĉi-on stul-te dis-iĝ-in-tan
vi re-li-gas, ĉi-el-an', kaj la ho-moj iĝ-as fra-toj sub la mo-la vi-a man'.

Beethoven estis fraŭlo, kvankam virina amo akompanis lin dum lia tuta vivo. Vere: tiu viro, kiun multaj kredis malkomplezа, mizantropa, eĉ kruda kaj duonfreneza — li povis esti feliĉa nur en atmosfero de amo; kaj amo estis por li ĉefe sindonado, ne prenado. Plej klare ni ekkonas tion el la fama letero „Al la nemortonta amatino", en kiu ni legas: „Ĉu nia amo povas esti io alia ol sinoferado? . . . Mi sentas min persekutata de la bonfaroj de homoj, kiujn mi ne meritas kaj ne celas akiri . . . Miaj pensoj flugas al vi, nun gajaj, nun malgajaj kaj atentantaj, kion la sorto decidos pri ni. Mi povas vivi nur tute kun vi aŭ tute ne . . . . En mia aĝo mi bezonus iom da neekscitiĝo, da uniformeco en la vivo. Ĉu tio estos ebla en nia interrilato?"

Oni ne scias certe la nomon de la adresatino; verŝajne ŝi estis nobelulino, kies rango ŝin retenis en klaso pli alta ol tiu de la malriĉa muzikisto. Fakto estas, ke Beethoven restis needziĝinta, ĉasta laŭ korpo kaj animo, en majesta soleco. „Kompatinda Beethoven! Por vi ne ekzistas feliĉo el la ekstera mondo. Vi devas ĝin krei en vi mem! Nur en la sfero de la idealoj vi trovos ĝojon", li skribis en 1810. En sian arton li sin retenis — kaj en la naturon: „Ĉiopova! En la arbaro mi estas feliĉa, beata! Ĉiu arbo parolas per vi, ho Dio! Kia belegeco en tia arbara regiono! Sur la suproj estas trankvilo — trankvilo, por servi al Li!" —

4a parto: *Presto. Allegro assai. Alla marcia. Andante maestoso. Adagio. Allegro energico. Poco adagio. Prestissimo (Rapidege. Tre rapide. Marŝe. Irante kaj majeste. Malrapide. Rapide kaj energie. Iom malrapide. Plejeble rapide).* — *Per fortega disonanco (16), trancanta la orelon, komenciĝas tiu ĉi parto. Ĉiuj la dolĉaj voĉoj de l' Adagio estis sonoj el sonĝo. La tuta senĝoja reala mondo (1) ree ĉirkaŭas la homon. Vane la ĉefaj motivoj el la dua kaj tria partoj (9, 13) revenas logante. Ĉu nenie estas savo?*

*Jen aperas simpla, populara melodio (17), kantata unue de kelkaj instrumentoj, poste de la tuta orkestro. Ĝi alportas la finan feliĉigon — sed nur al la unu unuopa homo mem. Ve! Revenas la terura ekkrio (16); ĉar ankoraŭ li estas sola. Sed nun la homa voĉo kamaradiĝas sin al la instrumentoj:*

*Ho fratoj, ne tiajn sonojn,*
*sed pli agrablajn kune ni ekkantu*
*kaj ĝojoplenajn!*

*Solo-kantistoj kaj ripetante la ĥoro komencas versojn el la Schiller-a „Kanto al la Ĝojo":*

*Ĝojo, bela dia fajro,*
*ido el Elysium,*
*fajrebriaj ni eniras*
*templon vian de la lum'.*
*Ĉion stulte disiĝintan*
*vi religas, ĉielan',*
*kaj la homoj iĝas fratoj*
*sub la mola via man'.*

*Kiu en la mondo trovis*
*bonamikon nur por si,*
*kiu ĉarman inon havas,*
*ĝoje kriu nun kun ni,*
*kiu eĉ nur unu koron*
*nomas sia en la mond' —*
*sed la netrovinto plore*
*iru for el nia rond'.*

*Ĝojon trinkas la estajoj*
*el la mamoj de l' natur';*
*ĉiu bona kaj malbona*
*sekvas ĝiajn paŝojn nur.*
*Ĝojon trovas ni en kisoj,*
*en la vin', en simpati',*
*en volupto jen la vermo,*
*la kerubo nur ĉe Di'!*

*Jen marŝo eksonas, unue de malproksime, poste plilaŭtiĝante. Aro da junuloj iras por batali:*

*For kun sunoj de l' ĉielo*
*en frateca harmoni'*
*nian vojon kuru ni*
*ĝoje al heroa celo!*

*Ni aŭdas en la instrumentoj la bruon de la batalo kaj el la ĥoro la salutkanton al la revenantaj venkintoj. Interhoman fratecon ili permilitis kaj dankas por tio al la patro super la steloj:*

*Al homaro ĉirkaŭprenon!*
*Tiun kison al la mond'!*
*Fratoj, el la stela rond'*
*sendas kara patro benon!*
*Vi genuas, milionoj?*
*Sentas la Kreinton, mond'?*
*Supre de la stela rond'*
*staras Liaj altaj tronoj!*

*Kaj nun, en interhoma ĝojo, benata de Dio, la granda rondo familia sin donas al la ĝuo de l' ĝojo, kiu, post kelkaj nedireble belaj intertaktoj de la solo-kvarteto, en rapidega postludo kuras al sia supro kaj al la fino de l' tuta verko.*

Malgraŭ sia forta kaj energia karaktero Beethoven travivis ankaŭ momentojn, en kiuj malespero minacis lin venki. Precipe kiam la perdo de l' aŭdpovo fariĝis tute certa, lin kaptis la penso al sinmortigo; kaj nur la devo, plue servi al sia arto, retenis lin de tiu faro. Krome la surdeco faris lin malkonfida kaj forpelis lin el la homa societo. Kaj tamen li havis fajran, viglan temperamenton kaj emis al malsoleco. „Ho Providenco!" li skribas en la „Testamento el Heiligenstadt", „unufoje nur sendu al mi tagon de pura ĝojo! Jam tro longe la eĥo de vera ĝojo fariĝis fremda al mi. Kiam, ho kiam, Dio, mi ree sentos ĝin en la templo de l' naturo kaj de l' homoj? Ĉu neniam? Ne, tio estus tro kruela!" Tial la krio de korturmenta malĝojo (16) kaj la komuna ĝojokanto (17) estas skribitaj per lia sango. Kaj ankaŭ la religia trajto de tiu ĉi kvara parto estas esencaĵo el lia karaktero. Beethoven estis pia, kvankam ne ekleziema homo. Sur multaj paĝoj en liaj taglibroj troviĝas profunde sentitaj preĝoj; kaj verkante sian belegan „Missa solemnis" li havis „la ĉefan intencon, veki en la kantantoj kaj aŭdantoj religiajn sentojn kaj fari ilin daŭrantaj."

Resume ni povas diri, ke la priparolita simfonio ne nur estas grandioza muzika verko, sed ankaŭ „fragmento el granda konfeso" de unu el la plej bonaj, noblaj kaj eminentaj homoj, kiuj iam vivis.

Kiu volas uzi tiun ĉi gvidilon por la prezentado en Nürnberg, ne kunportu ĝin en la koncertsalonon; ĉar artverko postulas la tutan atenton de la ĝuanto. Oni legu ĝin hejme, memorigu la malmultajn motivojn de la ĉi kuna tabulo aŭ revoku aŭdante en sian cerbon la personon de la komponisto kaj la rakontitajn ĉi tie detalaĵojn el liaj vivo kaj karaktero. Certe tiam kelkiu travivos en sia koro festan horon, kaj tio estos por mia laboro la plej bela rekompenco.

---

# La bela Nürnberg.

Nürnberg, trezorejo de Germanlando, malnova „Noris“! Post la obstina „gardoturo“ de via kastelo arĝente ridetas la bonanima vizaĝo de la luno. Pala, malvarmeta brilo superflugas la vastan tegmenton de la „imperia stalejo“, sensone superglitas la vastan bastionan korton, ripozas sur viaj altfrontonaj patriciejoj, surgrimpas la turojn, festonojn kaj bastionojn de viaj muroj, ĉirkaŭas la gigantajn masojn de viaj gotikaj preĝejoj, tramigras la multangulajn kurbigitajn stratetojn piede de via kastela monteto kaj disiĝas super la maro de la sennombraj burĝaj domoj.

Priskribi vian belecon estas alloge por ĉiu, kiu foje restadis en viaj muroj kaj sentspertis vin, urbo de la germana mezepoko, pentrinda loketo de la terglobo. Ĉu vi antaŭsentas, samfrato, almigranta al proksimaj landoj, kara samideano, ĉu vi antaŭsentas la ĉarmon, kiu atendas vin? Ĉi tie ne estas konvene, raporti pri la historia estinteco de la malnova „Noris“ sed estu permesate, restadi kelkajn momentojn ĉe tiuj lokoj de Nürnberg, kies beleco neniam estas priskribebla ne aludante la historian fonon.

Enpaŝante la malnovan urbon ĉe tiu loko, el kiu eble plej forte disvastiĝis la mondfamo de Nürnberg, ĉe la „Tiergärtner (bestĝardenista) pordego“ oni ne bezonas grandan fantazion, por sin senti transmetita en tiujn tempojn, kiam Nürnberg ankoraŭ estis la centro de la germanaj urboj. Antaŭ la okuloj de la rigardanto kuŝas unu el la plej belaj burĝaj domoj de la tiama tempo, la krutfrontona konstruaĵo de la Dürer-domo.



Albrecht-Dürer-domo.

Ĉi tie majstro Albrecht kreis grandan parton de siaj neelĉerpeblaj gravuraĵoj kaj mandesegnaĵoj iom post iom fariĝintaj komuna posedaĵo de tutmondo. Ankoraŭ hodiaŭ la domo estas konservita en la iama stato kaj en ĝiaj solenaj ĉambroj oni montras al la gasto multvaloran Dürer-kolekton.

Tie apud ne tro amplena kaj prudenta edzino la majstro ĝisvivis la kulminacion de sia artista kreado kaj gloro.

Pluen la fremdulo trairas la malvastajn, per ĉarmaj balkonaĵoj kaj vestiblornamaĵoj beligitajn stratojn de tiu Nürnberg, kiu en la XVa kaj XVIa jarcentoj estis fiera pro sia potenca patriciaro kaj inter kies ĉefaj familioj multe da sciencistoj kaj artistoj disvastigis la famon de sia gepatra urbo malproksimen trans la limojn de Germanujo. Baldaŭ li staras sur la granda placo de la ĉeffoirejo antaŭ la belega „Preĝejo de la kara Madono“. Maldekstre de li altiĝas la mezepoka belega tureto de la „Bela Puto“. Eble ankaŭ ĉi tie li serĉos la legendan ringon en la artplena amaso de multaj pintarkaĵoj, frontonoj kaj statuoj kaj trovos sur la kiraso de „Carolus Quartus“ la simplan vorton „Schonhofer“, malkaŝantan la nomon de la honorinda majstro, kiu kreis ĉi tiun originalan konstruaĵon. Tiu sama Schonhofer laŭ komisio de imperiestro Karlo 4a kreis la madonopreĝejon, helpata de Adam Krafft. Atentinda ankaŭ estas la „irado de hometoj“, videbla ĉiutagmeze je la 12a super la ĉefa portalo de la katedralo; ĝi prezentas unu heroldon, kvar trombonludantojn kaj sep princelektistojn ĉirkaŭmigrantajn la tronon de la imperiestro.



Kastelo vidata de sudo.

Nia vojo kondukas nin trans ponton, laŭ bela arkaĵo superpontigantan la Pegnitz-riveron, konstruita laŭ la „Ponte de Rialto“ en Venezia kaj hodiaŭ nomita „viandponto“. Post mallonga migrado ni staras antaŭ unu el la plej belegaj preĝejoj, la Laurenca Katedralo. La akra, pure gotika konstruaĵo supreniĝas senpere el la malvasta tien- kaj ĉi tieno de la stratoj kaj stratetoj kaj suprendevigas la rigardon al la ĉielo. Estas ja esenco de la gotiko, senpere suprenceladi el la ĥaoso de la domoj en la luman eteron kaj direkti la okulon de la homo el la malbelaj anguloj per severe levita fingro. Tiel ankaŭ oni ekvidas St. Laurencon nur starante tute proksime antaŭ la monumenta konstruaĵo kiel malgranda terulo, sentante sin suprenigita kaj fortigita de la graciaj turoj kaj pintarkaĵoj. Plenigita de tiu ĉi solena, ne ĉiutaga animstato, kiu liberigas nin el la maltrankvileco de la nuntempa senripoza tempo kaj remetita en pasintajn tempojn de plej nobla kulturo oni enpaŝas la ĉefpreĝejon de St. Laurenco. En la ĉielcelanta arkaĵaro resonas la paŝado kaj niaj okuloj restadas ĉe tiu ĉi aŭ tiu arkaĵo ĉe tiu ĉi aŭ tiu statuo kaj miregante ni baldaŭ staras antaŭ la gracia, nepriskribebla sakramenta dometo de Adam Krafft, superanta ĉiujn aliajn aĵojn, la bildojn, la surpentritajn fenestrojn kaj eĉ la Anunciacion, la faman skulptaĵon de Veit Stoss.

La mistika krepusko de la katedralo ree tagheliĝis. La pezaj, larĝaj pordoj sin fermis post ni kaj ni staras senpere en la bruado de la strato. Nia paŝo denove kondukas nin malsupren al la Pegnitz-rivero, kiun ni transpaŝas sur la Muzea ponto. Maldekstre ni vidas la belan arkaĵon de la viandponto, kun kiu la malklaraj ondoj de la rivero, el kiuj ŝajne elkreskas la domoj, aspektas kvazaŭ parto de „Kanalo

Granda". Kaj fakte ankaŭ tiu ĉi ĉarma urbparteto estas nomata „Nürnberga Venezia".

Plue nia vojo trans la jam rigardita ĉeffoirejo kondukas nin al la Sebalda Katedralo. Ĉi tie antaŭ ĉio nin interesas la tombo de St. Sebaldo, ĉe kies soklo estas legeblaj la vortoj: „Petro Vischer (Fiŝer), Nürnberga civitano faris tiun ĉi artaĵon kun siaj filoj. Nur pro la laŭdo de l' ĉiupova Dio kaj pro la honoro de St. Sebaldo la ĉiela princo helpe de piuloj pagita per almozoj." Ĉi tie en bronza kapelo la arĝenta ĉerko de la sanktulo kuŝas sur artplenaj pilastroj kaj arkaĵoj, ĉe kiuj gardestaras la statuoj de la 12 apostoloj. Tri turetoj estas la kronaĵo de tiu ĉi artaĵo, en komparo kun kiu ĉio alia en la preĝejo devas cedi kaj kiun ni kiel emociantan travivaĵon portas kun ni eksteren en la bruan rapidadon de la moderna urbego.



Urba teatro.

Apenaŭ elirinte la pordojn de la Sebalda Katedralo, jen ni staras antaŭ konstruaĵo, kiu jam unuarigarde strange tuŝas nin en la antikva, norda, akre gotika Nürnberg. Ĝi estas la urbdomo, konstruita laŭ la itala renesancstilo, kies arĥitekto speciale estis sendata de la urbestraro trans la Alpojn, por studi en la lando de Miĥelangelo tiun sudan stilspecon. Ni vizitu la belegan historian urbdoman salonegon kaj post tio, plenaj de neforgeseblaj impresoj malrapide supreniru la sabloŝtonan rokon al la antikva kastelo de la grafoj de Zollern. Ni preterpaŝas fierajn patriciajn domojn kaj kurbigitajn stratliniojn timeme sin premantajn en la ombron de la vasta fortikaĵo, ĝis kiam supre ni staras sur la placo nomita „Freiung" (liberejo). Mirigataj ni ekvidas super la tegmenta kaj tura maro, kies akrajn konturojn ĉirkaŭas nebula vualo, la verdajn patinpintojn de la malnova urbdomo, la graciajn frate kunestarantajn turojn de St. Sebaldo kaj en kelka distanco la turojn de la Laurenca Katedralo. Dekstre niaj rigardoj dum iom da tempo sekvas la urban foson, remparojn kaj turojn ornamitajn per freŝa verdaĵo. Post tio la moderno ree elhorizontigis por ni tiujn ĉi restaĵojn de pasintaj tempoj kaj jam ni vidas la vagonojn de la elektra tramo ĉirkaŭveturantaj la murzonon de la urbo. Denove atentigante la internon de la dommaro, ni ekkonas malproksime grandan nombron da preĝejoj, hodiaŭ samepotence levantaj la kapojn kiel en tiuj jaroj, kiam Nürnberg ankoraŭ estis la imperiestra kaj princa gastigejo kaj florejo de la germana burĝaneco. Hodiaŭ tute proksime de ili suprenstaras krudaj fabrikejaj kamentuboj, kaj la larĝa kupolo de la ĉefstacidomo memorigas la vizitanton pri tio, ke la hodiaŭan „Noris" ne plu karakterizas arto kaj artmetio, sed trafiko, tekniko kaj komerco.

Post tiuj ĉi rigardadoj ankoraŭ ni vizitu diversaĵn ejojn de la „Zollern"-kastelo, suprengrimpu la praaĝan tordan ŝtuparon al la soleca gardoturo. Tie proksime al la nuboj, ni ankoraŭ unu fojon rondirigu niajn rigardojn super urbon kaj ĉirkaŭaĵon kaj ankaŭ de tie ni malsuprenportu neforgeseblajn interesojn kaj travivaĵojn al la homoj. Baldaŭ ni sidas en la malgrandeta trinkejo de la rostkolbasejo proksime al la Sebalda preĝejo, konsciante, ke la samajn seĝojn kaj benkojn foje premis majstro Dürer kaj lia amiko, la vivgaja konsilanto Pirkhiemer, Hans Sachs, la bonega poeto kaj ŝuista majstro, Petro Vischer, la mondfama artisto, kaj multaj aliaj senmortuloj de la germana mezepoko, kiuj ĝoje ĝuante trinkis multetajn bonajn plengorĝojn da biero el la belaj stankruĉoj, ankoraŭ hodiaŭ starantaj sur la bretaroj. Eble tie ĉi de afabla artsperta Nürnbergano ni rakontigos al ni ankoraŭ multon pri la diversaj ejoj de pasinta kulturo, pri la sennombraj putoj kaj monumentoj, pri la multaj malgrandaj preskaŭ forgesitaj kapeloj, pri la malnovaj tombejoj St. Rochus, St. Johano kaj St. Petro, kun la tomboj de la majstroj Dürer, Feuerbach kaj kiel ajn ili estas nomataj, kaj ne lastfine pri la mondfamaj trezoroj de la germana muzeo.



Frauentor (virina pordego).

Kaj fine hejmenirante tra la stratetoj, kie 'el'ikelkiuj de la belegaj balkonaĵetoj kaj ĥorejetoj de la malnova urbo brilas hejmeca lumo, kvazaŭ tie ankoraŭ nun sidus la urbskribisto kliniĝanta super la kroniko, verkota kun la precizeco de malaperintaj jarcentoj, ni ekkonas, ke ni nur antaŭsentis malgrandan parteton de la beleco kaj de la ĉarmo de la germanlanda trezorejo, pri kiu devus ĝoji la homoj de ĉiuj ajn landoj. Tute sendepende de la maldolĉecoj de nia hodiaŭa malbona tempo, ni promesas en la koro kunpreni iometon da tiu riĉaĵo kaj doni de ĝi al la fratoj kaj fratinoj ĉiuloke sur la terglobo.

Germana originalo de
*Hans Pflug-Cadolzburg.*



# LITERATURO



## La du somnambuloj.

Rakonto el la amerikana vivo.

*Philippe Berges.*

Vigla vivo regis en la „Belmont-House“, la sola hotelo en la pensilvana urbeto Stamford. Okazanta fondiĝfesto de la milica kompanio allogis multnombran vizitantaron el la proksimaj distriktoj, dezirontan vidi la maloftan spektaklon de militista parado. La librotenisto de la Belmont-House, kiu okupiĝis ankaŭ pri komunikoj al „New-York Herald“ kiel korespondanto, ĝuis la plezuron de rigardado kaj observado kaj emis verki pri ĉiu gasto etan sensacian romanon por telegrafi ĝin al sia gazeto. Li esperis, ke almenaŭ fremdulo falu pro la nesufiĉe hela ŝtuparo, kaj rompu paron da kruroj; prefere li estus vidinta, se, por la intereso de la gazetaro kaj de ĝiaj korespondantoj, noblanima karakterulo estus faranta memmortigon je sia propra inda personeco.

Pleje interesis nian librotenistön altkreska fremdulo, kiu nek similis farmiston nek urbanon. Laŭŝajne la fremdulo estas militisto, nature „altranga“ — aŭ la impresiga liphararo kiun li portis iom inciteme sub la nazo, estis nenio alia ol hontinda trompo.

Estis kvina horo posttagmeze, kaj jam ekfinas la festo; ĉiam ankoraŭ regis mistera malhelo ĉirkaŭ la interesa fremdulo, kiu sidis ĉe tablo en la salono. Dekfoje la esplorema Herald-korespondanto rigardis en la fremdullibron, kiu montris la modestan senbrilan nomon „Ulysses L. Barnett“; fine li decidiĝis alproksimiĝi al la gasto, por lin esplordemandi singarde t. e. kaŝe lin intervjui. Apenaŭ li volis efektivigi sian intencon, la fremdulo leviĝis, alpaŝis la surprizitan hotelkomizon kaj frapis lin amikeme sur la ŝultron.

„Juna homo“, li diris bonvoleme, „mi observis vin dum unu horo kaj formis al mi juĝon pri vi. La diablo min prenu kiel vespermanĝon, se vi ne estas grandioza pensulo.“

„Dankon“, balbutis plezurigite la librotenisto. „Dankon al vi, kolonelo!“ Vi estas ĝentilhomo kaj plie bona observanto, ĉar mi efektive estas grandioza pensulo.

„Nu bone amiko, mi volas fidi vin. Vi certe povas silenti!“

„Kiel mortinta kadavro, Generalo“, flustris la komizo incitite, kaj ekprenis la krajonon, dume metrolonga depeŝo al la „Herald“ formuliĝas antaŭ lia spirita okulo.

Senceremonie la fremdulo metis sian brakon sub tiun de la librotenisto, kondukis lin la malhelan ŝtuparon supren, kaj restis en la longa koridoro.

„Vi estas efektive, kiel mi jam konstatis, eksterordinara ruzulo“, li diris misterplene, „ĉar fakte mi estas generalo kvankam nur pensiita. Vi devas scii, ke en la batalo de Gettysburg kuglo min trafis; tiun kuglon mi ankoraŭ portas en mia kapo. Tamen ni venu al la afero. Ĉi tie, kiel vi vidas, estas mia ĉambro. Klarigu nun al mi kie troviĝas proksime ia eliro, vi scias eliron, uzeblan okaze de fajro.“

„Jen tute apude, Generalo“, mire respondis la komizo. „Vi nur bezonas flankenmovi la fermilon por atingi la feran kromŝtuparon ĉe la dorsflanko de la domo. Sed estu senzorga, jam de unu monato ne plu brulis ĉe ni.“ La generalo ridis malŝate. „Vi farus pli bone ne malfermi vian benatan bekon, se vi ne scias ion pli bonan. Sciu: militisto, estinta partopreninta batalojn ne treminte kun la lipharoj, ne timas vian hotelbruleton. Alian kaŭzon havas mia demando. Mi estas somnambulo, vi devas scii tion; la kuglo kiun mi portas en mia kapo igis min tia. Se nun ekkaptas min tia malsano, tiam mi eliras per tiu ĉi vojo tiel ke mi ne faru ian malbonaĵon en la domo. Kiel diris al mi miaj amikoj, mi kondutas tre strange ĉe tiuj atakoj; grave estas ke neniu min incitu. Jen ĉio. Vi nun konas mian sekreton, juna homo, kaj se okaze mi hodiaŭ nokte havas tian atakon, tiam almenaŭ *vi* povas kompreni.“

Post tiuj vortoj la generalo reiris sian ĉambron; la entuziasmigita komizo, pensanta je sia metrolonga Herald-depeŝo, saltis de sur la ŝtuparo, falinte pro tro granda rapideco, la kapon antaŭen — feliĉe sen plia domaĝo.

* * *

La nokto brakumis la feste ornamitan urbeton kaj la longaj stratoj estis senvivaj. Pace dormis la usonaj milicanoj al la venonta festa tago, kiu devas doni al la mondo militan paradon de tia precizeco kaj brilo, ke la ĉeestantaj fremdaj militistoj (alvenis tri prusaj ekssuboficiroj, nun amerikanaj farmistoj) koloriĝos blue kaj verde pro envio.

Ankaŭ en la „Belmont-House“ ĉio estis trankvila, la gastoj jam longe kuŝiĝis. Nur la librotenisto ankoraŭ laboris, kontrolante la enspezojn de la tago, kaj aligis al la generalo Barnett, sensacian romanon en formo de telegramo. Ekscitite li faris jen tion, jen tion ĉi, kaj povis fini nek unu nek alian. Ĵus li kalkulis pakaĵon de bankbiletoj kaj volis ĝin meti en la kason, kiam nova ideo venis en lian kapon — efektivigante li tuj komencis daŭrigi sian telegrafan romanon:

(Per telegrafo)

Okaze de la milica festo en Stamford, Pa.
Grava ĉeesto de fama gasto!

U. S. Generalo Ulysses L. Barnett ĉeestas!
Li, la glora venkinto ĉe Gettysburg!
La generalo intervjuita de l' Herald-korespondanto!

M i r i n d e !
Li portas kuglon en sia benata kapo!

P l i  m i r i n d e !
Li estas la plej grava somnambulo de l' estanto!

Ĝis tie venis la ĵurnalista komizo kun la sensaciaj titoloj, kiuj en amerikana gazeto estas pli ampleksaj ol la enhavo de la artikolo mem, kiam li timigite haltis, flankenmetis la krajonon kaj atente observis la ŝtuparon. Supre ŝajnas io moviĝanta — ĝoja antaŭsento trairis la komizon — hm, ĉu la generalo eble havas sian interesan atakon? Efektive, la bruo fariĝis pli forta, pezaj paŝoj alproksimiĝis, paro da botvestitaj piedoj aperis — kaj teruriĝite la soleca observanto retiriĝis. Nenia dubo, la generalo promenas somnambule. Kun okuloj, larĝe malfermitaj, la haro malorde en la frunto li alproksimiĝis, levinte supre grandan aĉan revolveron en la mano kaj celis la komizon, tremantan pro timo. Alirinte plian paŝon, li metis la pafilon sur la brusto de l' malfeliĉulo. Basvoĉe kiel el tombo li diris: „Kolonelo Hoopensaaker, grandioza kanajlo, mensogulo kaj bonfarinto de la homaro, ĉu vi rekonas min? Mi estas la generalo Ulysses Barnett, reveninta el la tombo, por repostuli kio estis lia. Redonu, mi diras la 1000 Dolarojn, kiujn vi ŝtelis el mia poŝo ĉe Gettysburg, kiam mi kuŝis mortpafita sur la tero, kaj kiam vi faris per viaj malindaj fingroj prirabon de kadavro. Redonu la milon, aŭ mortu!“

Respirinte la komizo prenis la bankbiletojn kiuj kuŝis ankoraŭ apude sur la tablo, kaj donis ilin al la somnambulo

Tiu prenis ilin, konservis zorge en la poŝon, skuis la kapon kvazaŭ moke salutante la komizon kaj movis revolveron en mano al la ŝtuparo kiun li rapide supreniris por malaperi.

Nur nun la librotenisto vekiĝis el sia rigideco. Terura suspekto lin kaptis — — — kiel, se la generalo ne estus generalo, la somnambulo ne somnambulo, sed eble senrespekta fripono? Per unu salto li aliris la fajrosonorilon, kiu per tremantaj manoj sammomente kriegis tra la domo vekante ĉiujn. Tuj ĉiuj gastoj kaj hotelanoj estis informitaj kaj kuris al la ĉambro de la generalo. Malplena. Per la krompordo de la unua etaĝo li sukcesis atingi la straton. Kiel mara ondego la amaso de la gastoj kaj hotelanoj persekutis la forkurantan rabiston, kies malhela figuro tre bone vidiĝis pro la lunlumo. Spite de la rapida rekono, li estus povinta atingi la proksiman arbaron, se ĉe la rando li ne estus falinta sur arboradiko. Apenaŭ leviĝinte la persekutintoj lin kaptis, ŝnuris, kaj rekondukis lin triumfe tra la urbo, por lin loĝigi en tiu nobla hotelo kiu diferenciĝas de la aliaj per tio, ke la fenestroj estas provizitaj je feraj kurtenoj.

* * *

La arestigo tute malkonvenis al la pacjuĝisto, sinjoro Hiram Lockwood, kiu samtempe okupis la postenon de milica kapitano. Se li ne volus malrespekti la leĝon, kiu laŭ la *Habeas Corpus* akto devigas ekzameni inter 24 horoj la arestiton, li devus manki la feston kaj ne preni la honoran lokon pro ordinara rabisto. Rapide li decidiĝis, vekigis la juĝejan serviston kaj komisiis lin kunvenigi la oficistojn de l' juĝejo, la atestantojn kaj la unikan policiston de l' urbeto por kunsido je la sesa horo matene.

La heroa decido de l' juĝisto trovis vivan aplaŭdon ĉe la partoprenantoj, kiuj kiel li ne ŝatis manki la feston. Precize je la sesa horo, ne nur la juĝistoj, arestito, la polico, la advokato kaj atestantoj, inter ili la korespondanta hotelkomizo alvenis, sed ankaŭ dekduo da fremdaj gastoj, loĝantoj en la „Belmont"-hotelo, kiuj formis la aŭdantaron.

Unue la librotenisto de l' hotelo mallonge rakontis la aferon; sekvis la atestantoj, persekutintaj la tielnomatan generalon, lin kaptintaj kaj arestintaj. Ĉiuj interkonsentis, inkluzive la komizo, ke ne temas pri malsanulo, somnambulo, sed pri plej ruza fripono. Laŭ tiu ĉi senco ankaŭ parolis la distrikta prokuroro; li energie asertis, ke la afero estas nenio alia ol lerte elpensita friponaĵo kaj la generalo, krimulo. Tial „La Honorinda" la juĝisto resendu senhezite la arestiton en la karceron, ke la ĉeljuĝantaro mem okupiĝu kaj kondamnu la krimulon. Eĉ la defendanto nenion povis prezenti favore de l' arestito; li limigis sian parolon je rekomendo al la eco de l' juĝisto, de kio tiuokaze nenio povas esti esperata.

Efektive la juĝisto ne ŝajnis havi eĉ plej etan emon, liberigi la somnambulon, kiu tiom ruze demandis pri la nefermita eliro de l' hotelo. Jam li leviĝis por konigi sian verdikton, kiam movo de l' arestito lin silentigis. Tiu prenis el sia poŝo paperon, skribante per krajono kelkajn vortojn sur ĝi kaj diris doninte la folion al la juĝisto laŭtvoĉe: „Legu tion, karulo, legu tion! Kaj se vi kondamnus min, vi scias kio vin atendos."

La juĝisto legis, embarasiĝis kaj ektimis. Sed rapide li rekonsciiĝis, rigardante esplorige la generalon kaj leviĝis.

„Estimataj ĉeestantoj!" li diris embarasite kaj heziteme. „La diablo min prenu, se ne ĵus mi estus farinta treege maljustan agon, preskaŭ egala je justeca mortigo. Tiu folio, kiun la senkulpe arestita honorinda generalo ĵus donis al mi, rekondukis min al la vojo de l' virto. Sur tiu ĉi folio li nome konfesas propramane, ke efektive li estas malsana, suferanta je sombambulismo — — — som — bam — bul — ismo! Gesinjoroj, jen la vorto, kiu tiom ektuŝis min. — — — Aŭskultu min, estimataj sinjoroj! Apenaŭ pasis dek jaroj, ke mi troviĝis en simila malagrabla situacio kiel tiu ĉi fremdulo. Mi suferis siatempe tre forte je la luna malsano kaj estis sen mia scio tiom perfekta nokta migranto, kiel nur estis trovebla en la historio. Foje oni min trovis en la loĝejo de ia konatulo, foje en tiun de fremdulo, sur tegmento aŭ en keloj de al mi tute nekonataj domoj. Iun nokton, la luno brilis tre hele, oni renkontis min en la Nacia Banko de Chattanooga en Tennessee, okupata malfermi la feran kasŝrankon. Malprudente oni vokis min je mia nomo; mi timiĝis, falis teren kaj vekiĝis. Jen ĉio sinjoroj, ĉiu infano estus kompreninta ke temas pri tute klara kazo de nokta migrado, aŭ sombambulismo, kiel oni ĝin nomas en bona lingvo. Kontraŭe oni akuzis min pri perforta ŝtelado kaj provita rabo; la juĝisto, nehavinta la altan edukon de l' oriento ne montris komprenon por tiu ĉi interesa malsano. Bone, por igi longdaŭran okazintaĵon, mallongan rakonton — mia propra atesto, tiu de miaj amikoj neniel helpis; la malkapabla kaj senskrupula juĝisto ne kredis al mia sombambulismo, kaj mi fariĝis viktimo de l' justeco. Sinjoroj! Mi ripetas, mi fariĝis viktimo! Oni helpis al mi je du jaroj da ŝtata pensiono, nome du jarojn da malliberejo, kiujn mi honeste plenumis. Jen finas mia parolado, sinjoroj, kaj se mi aldonas senbezone, ke mi siatempe ĵuris, neniam kondamni noktan migranton, se iam mi estus juĝisto, tiam vi komprenas, kial mi liberigas tiun viron. Generalo! Vi estas libera. Sinjoroj! Mi deklaras la kunsidon finita!"

Kelkaj minutoj poste la juĝeja salono estis malplena. Perpleksite, konfuzite la homoj ĝin forlasis kaj estis bone, ke la komenciĝanta festo donis al iliaj pensoj alian direkton forigante ankaŭ la impresojn suspektajn pri la stranga juĝa kunsido. Plej deprimigan impreson la rezultato faris sur la hotelkomizo. Li kuris al la telegrafa oficejo por sekvigi la duan telegramon ke la tielnomata generalo montriĝis kiel danĝera rabmurdisto, per tria, nuliganta tion, kaj restariginte la bonfamon de l' grandioza nokto-migranto. Sed lin malhelpis envia sorto ĉe la forsendo de tiu telegramo; la fervora korespondanto jam trovis la telegrafaparaton okupita . . . okupita de la mistera generalo, kiu en enigmosimilaj vortoj de sekreta lingvo sendis metrolongan depeŝon al la „Herald".

* * *

Alian tagon la „New York Herald" havis sensacian artikolon, telegrafe el Stamford, kies enhavo resumiĝas:

„La Herald estas la plej grandioza, plej riĉa, plej bona kaj plej malmultekosta gazeto sur la planedo Tero. Ĝi estas lernejo, gardo, advokato, kaj la polico de l' glora amerikana popolo. Ĝiaj redaktoroj estas la instruantoj de la homaro, ĝiaj korespondantoj la plej famaj verkistoj kaj poetoj de l' estanteco, ĝiaj informantoj la detektivoj de l' popolo. La artaĵo, kiun *Herald* plenumis hodiaŭ en la intereso de la civitanoj de tiu ĉi lando, transpasas ĉion ĝis nun faritan. Tutsimple . . . ĝi estas grandioza. La senkompara „Herald" esploris per siaj reprezentantoj, kiuj en ĉiuj eblaj kaj neeblaj tipoj trairas la mondon, en la dezerto kiel en la metropoloj, sur la maro kiel sur la montaro, esploris per tiuj bravuloj la teruran fakton ke en la bona urbo Stamford (Pensylvania) iu viro okupis la lokon de l' juĝisto, sin nomanta Hiram Lockwood Esq., sed efektive estanta forkurinta punkaptito kun nomo Jim Humphrey, kiu pro rabado, perforta ŝtelado, jam frekventis dum dekkvin jaroj la malliberejojn de l' West. Ĉefa tasko estis por Herald, tiu fervora advokato de la popolo, fiksi la identecon de l' juĝisto Lockwood kun la nomita krimulo — eble per lia propra konfeso — por liberigi la bonajn urbanojn de tia danĝera oficisto. Por atingi tiun belan celon, unu el niaj plej lertaj raportistoj, la U. S. Generalo Ulysses L. Barnett, ludis komedieton. La

noktomigranta fripono pri kiu ni raportis en la du lastaj telegramoj de nia Stamforda korespondanto, estis neniu alia ol nia raportisto. Li sciis, ke la pseŭdojuĝisto antaŭ dek jaroj provis perfortan ŝtelon; surprizite tiu deklaris esti somnambulo; sekve nia juĝisto uzis saman ruzon. Li bone sciis kion li volis. Sub la ŝirmo de l' somnambuleco li provis ŝtelon, arestiĝis kaj antaŭ la juĝisto donis al tiu bileton kun jena enhavo: „Jim Humphrey, kara kolego, ci estas rekonita. Se ci kondamnus min, mi denuncas cin. La somnambuleco, cia ruzaĵo siatempe, donos la rimedon, min liberigi!"

La juĝisto ektimis, leginte tiun bileton, kredis sin rekonita, konsideris la raportiston kiel iaman kolegon el la malliberejo, rakontis konfuzite mem okazintaĵon el sia vivo, nome ŝtelon kiun li kredigas farita sub la influo de la somnambuleco kaj liberigis la arestiton (nian kuraĝan raportiston) — konfirmante per tio sufiĉe, ke li efektive estas nia viro, la forkurinta punkaptito, kiu jam de kvin jaroj estas serĉata de l' ŝtatestro de Tennessee. Civitanoj de Stamford! Forigu la danĝeran oficiston! Ŝtatestro de Pensilvanio! Arestu la krimulon kiu okupis per ruza manipulado la juĝistan seĝon! Al la senkompara „Herald" danku por la konigo de tiuj malbonaĵoj, venenigantaj la vivon kaj bonfamon de nia kara patrolando. Vivu „Herald"! Sendube ĝi estas la plej grandioza gazeto, la unuaranga ĵurnalista instituto de l' mondo kaj eble de l' tuta universo.

*H. J.*

##  ESPERANTISMO 

# Monumento al Zamenhof.

Ĵus aperis la kuponkartoj, riceveblaj de la Honora Sekretario de l' Organiza Komitato, S-ro J. D. Applebaum, 11 Mayville Road, Liverpool (Britlando).

La valoro de la kuponkarto estas:

| Landoj | Monunuoj | | Landoj | Monunuoj | |
|---|---|---|---|---|---|
| Aŭstrujo | | | Hispanujo . . . . | Pes. | 25 |
| Baltaj Ŝtatoj (Estonujo, Latvujo, Litovujo) | | | Hungarujo . . . | Kr. | 6000 |
| | | | Jugoslavujo . . . | D. | 200 |
| Belgujo . . . . | Fr. | 50 | Italujo . . . . . | Lir. | 100 |
| Britujo kaj kolonioj | Ŝil. | 20 | Japanujo . . . . | Yen. | 10 |
| Brazilujo . . . . | Milr. | 40 | Nederlando . . . | Guld. | 10 |
| Bulgarujo . . . . | Lev. | 400 | Norvegujo . . . . | Kr. | 20 |
| Ĉeĥoslovakujo . . | Kĉ. | 150 | Pollando . . . . | Zloty Pol. | 10 |
| Danujo . . . . . | Kr. | 20 | Portugalujo . . . | Esk. | 60 |
| Finnlando . . . . | Mk. | 150 | Svedujo . . . . . | Kr. | 20 |
| Francujo . . . . | Fr. | 50 | Svislando . . . . | | |
| Germanujo | | | Usono kaj Kanado | Dol. | 5 |

La valoro de ĉiu kupono estas en ĉiu lando 20-ona parto de la tuta kuponkarto, laŭ la supre fiksitaj sumoj. Sole la Organiza Komitato havas la rajton ŝanĝi la suprajn monvalorojn laŭ la ŝanĝoj de la monkurzoj. Ĉiuj tiaj ŝanĝoj estos anoncataj en la esperantista gazetaro. La landoj kies monunuoj ne estas fiksitaj supre, pagu laŭ la brita kurso.

* * *

Pri la projektoj de monumento ni ricevis la jenajn leterojn, kiujn ni presigas lasante plenan respondecon al la skribintoj. Certe la komitato jam konstatis, ke la projekto II ĉie renkontis preferon al la projekto I. Se la kolektitaj sumoj sufiĉos la komitato povos eble organizi plian studadon de l' afero.

(Red.)

Varsovio, 13. 4. 1923

**Pri la monumento.**

Profitante la voĉrajton pri la premiita kaj la premiinda projekto de Zamenhofa monumento, mi petas vin, estimata sinjoro, doni lokon al kelkaj miaj vortoj.

Laŭ mia vidpunkto neniu el la ekpremiitaj projektoj esprimas — kion ĝi esprimi devas. De ili ambaŭ iras bedaŭrinde nek la granda penso, nek koro Zamenhofa. Por bone ekludi, ekzemple la ventegon oni devas ĝin bone sente trapenetri, por inde monumenti Ludovikon Lazaron Zamenhof oni devas antaŭ ĉio bone lin trasenti kaj lian penson kompreni.

Kompreneble, nek mi, nek iu ajn alia povus al artisto doni klarigojn aŭ informojn por lia skulptaĵo — li devas ilin trovi en si mem. Mi pensas, ke nesufiĉe eble granda rondo da diverspopolaj artistoj estis invitita al la — tutmondon interesanta — konkurso. Kiel Zamenhof mem, estu lia monumento modesta, sed estu ĝi inda kaj esprimplena. El du premiitaj la dua kvazaŭ diras ion, la unua — preskaŭ nenion. Se la monumento neniel povus esti ĝusta esprimilo de la granda ideo Zamenhofa, restu por li la monumento tiu, kiun li en koroj niaj por si, kiele inspiro por ĉio bona kaj nobla — por ĉiam gardekstarigis. Niaj agoj estu ĝia mistera skulptartisto — ni iru la montritan de Zamenhof vojon kaj daŭrigu lian noblan laboron — „ĝis la bela sonĝo de l' homaro por eterna ben' efektiviĝos" . . . . Tiam la mondo admiros, tiam ĝi merite ekpremios la veran Zamenhofan monumenton . .

Nenio urĝas . . . . Formo ne valoras . . . .

*Feliks Zamenhof.*

* * *

Garthby Trinit Road, Sale Manchester, la 5-an marto 1923.

La Redaktoro de „Esperanto", Svisio.

Estimata Sinjoro!

Ĉu estas nepre tro malfrue por protesti kontraŭ akcepton de iu el la projektitaj monumentoj kies kliŝoj aperis en la nuna „Esperanto"? Eĉ la unua efektive similas al io, ĝi similas al kesto kun peza kovrilo, dum la dua ŝajnas esti iomete aliigita desegno por tia fontano kian oni povas ofte vidi apud la muro en urbstrato! En ambaŭ, kie troviĝis io kiu povas memorigi al ni ĉu la karakteron ĉu la laboradon de nia mortinta estro? Mi opinias, ke ia taŭga monumento nepre devas, kiel eble plej senpere vekigi je la vidanto tian memoron.

Por ni esperantistoj la afero ne devas esti malfacila, se nur ni ĉiam memoros la elstarantajn trajtojn de la Zamenhofa karaktero. Li estis homo simpla, direkta, honesta, ĉiam kunsentema pri ia sufero, obstina por teni sian vojon laŭ gvidado de zorge pripensita plano, tre modesta pri siaj propraj rajtoj kaj senlace laborema por estigi la homan fratecon.

Do la monumento inda por memorigi al tia homo devas esti simpla kaj forta — alloganta precize per siaj simpleco kaj frateco. Alegoria ornamo tute ne taŭgas, ĉar ĝi malhelpas la direktan alvokon por enkonduko de flankaj ideoj. Persone mi tre ŝatus vidi grandan pecegon de granito aŭ alia taŭga ŝtono kiun oni lasis preskaŭ en tiu stato kiun ĝi havas kiam elhakita el la ŝtonminejo. Ĝi aspektu kiel plej eble natura ŝtonaĵo. Sur la antaŭa kaj malantaŭa flankoj oni glatigu sufiĉe grandan ebenaĵon por enskulpti enskribon. Tio devas esti tre simpla — ekzemple por la antaŭo la nomo ktp., por la malantaŭo ia bela teksto el la Majstra Verko, kiun prefere devas elekti doktoro Privat.

Pardonu, ke mi tiel longe skribas, sed kvankam mi estas nur nova esperantisto mi tre kore deziras helpi, ke la Zamenhofa monumento iome esprimu la movadan grandecon kaj fortan homan kunsenton de Zamenhof. Kun koraj salutoj

*Oscar M. Wihl,* N-ro 19083.

Ne ploru lin! Li tion ne deziris —
Plenumu lian altan homan veron!
De lia vivo forton ni akiris —
Grandiĝis lia morto nian devon.

---

# Nekonata letero de nia Majstro.

Ĉe la grava pozicio, kiun Nürnberg okupis jam en la frua epoko de nia movado, ne estas mirige, ke la tieaj samideanoj ofte letere interrilatis kun D-ro Zamenhof, proponante al li multe da demandoj kaj petante lian kompetentan juĝon. Speciale la iamaj Volapükistoj, kies kritikemo estis ja vekita per la supereco de pli bona sistemo, ankaŭ post aliĝo al Esperanto atenteme observadis ĉiujn novajn tiam ekaperantajn sistemojn, ekzamenante kaj diskutante ilin por elekti fine la plej bonan. El tiu epoko devenas i. a. letero de Prof. D-ro Julius Riegel, ĉefdirektoro ĉe la supera porfilina Labenwolf-lernejo kaj nuna nestoro de la Nürnberga esperantistaro. Ĝi estas adresita al nia Majstro en Varsovio kaj tekstas jene:

*Nürnberg,* la 23an de februaro 1907.

Tre estimata sinjoro,

bonvolu permesi, ke mi turnas min al vi rilate al la internacia helplingvo Esperanto, petante kelkajn klarigojn en intereso de la afero, ĉar mi parolados venontsemajne en la ĉi tiea Framasona Loĝio pri mondlingvoj ĝenerale kaj pri Esperanto speciale. Prof. D-ro Zimmer-Berlin, eldonisto de la Framasona gazeto „La Heroldo", interesiĝas multe pri mia parolado kaj kun S-ro Barthel-Frankfurt mi ankaŭ korespondadas delonge pri via lingvo.

Mi permesas al mi jenajn demandojn:

1. Ĉu vi konis la mondlingvon Volapük, kiam vi kreis vian lingvon, ĉu via lingvo bazas sur iu ajn alia pli frua sistemo, aŭ ĉu via kreitaĵo estas ĉiuparte originala?
2. De kiam vi konas Volapük'on? Ĉu la principoj, sur kiuj via lingvo estas starigita — escepte de la radikoj — ne estas la samaj kiel ĉe Volapük?
3. Ĉu vi konas la sistemon „Idiom Neutral" aŭ „Universal Ling" de D-ro Molenaar? Oni riproĉas vian lingvon, ke ĝi faras novajn vortojn por objektoj kaj terminoj, pri kiuj jam ekzistas internaciaj radikoj. Kiel vi rifutus tiujn ĉi dubojn?
4. Ĉu estas vere, ke Esperanto estas pli malnova ol Volapük?

Ne estas nura scivolemo, kiu demandigas min, sed la intereso por la afero. Pardonu mian kuraĝemon kaj estu konvinkata, ke mi estus tre dankema al vi, se vi bonvolus respondi al mi, sed ne limigante vin je presaĵoj.

Altestime

*Prof. D-ro J. Riegel.*

Poŝtrevenante la sendinto ricevis kune kun germana broŝuro kaj bonega esperanta-rusa libro „Sur la vojo al kunfratiĝo de popoloj" la jenan respondon:

*Varsovio,* la 2an de marto 1907.

Kara sinjoro!

Respondojn al ĉiuj viaj demandoj vi trovas en la broŝuro germana kaj en la libro esperanta-rusa, kiujn mi sendis al vi hodiaŭ. Tamen per kelke da vortoj mi respondas ankaŭ ĉi tie:

1. Kreante mian lingvon mi ne sciis pri Volapük, ĉar ĝi tiam ankoraŭ ne ekzistis. Pri la diversaj projektoj mi eksciis nur tiam, kiam Esperanto estis jam tute *preta.*
2. Idiom Neutral kaj la projekton de Molenaar mi konas. Al ambaŭ aŭtoroj mi povus respondi, ke la kreinto de la principo „Internacieco de vortoj" estis ja ne ili, sed *mi*, sekve ili devas bone kompreni, ke se en tiu aŭ alia okazo mi prenis vorton ne internacian, mi faris tion ĉi ne sen sufiĉa kaŭzo. Lingvo ne povas esti simpla kolekto da vortoj, sed devas havi cementon kaj vivon; lingvo internacia devas esti antaŭ ĉio facile ellernebla kaj havi siajn proprajn leĝojn. Ĉar mi ne povas postuli, ke la mondo lernu dekojn da miloj da vortoj, tial la nombro de la radikoj devas esti tre malgranda kaj ĉio alia devas esti kreata laŭ la leĝoj de la lingvo (ne prenata simple el la ekzistantaj lingvoj por plaĉi al la poliglotuloj).

Via

*Zamenhof.*

P. S. Kiu volas nur fari *impreson* de domo, tiu povas fanfarone kolekti amason da netuŝitaj ŝtonoj; sed kiu volas konstrui *efektivan* domon, en kiu oni povas oportune loĝi, tiu devas ĉirkaŭhaki la ŝtonojn kaj uzi diversajn artaĵojn.

*Zamenhof.*

La leteroj, kiujn mi publikigas ĉi kune kun afabla permeso de la posedanto estas interesaj laŭ diversaj vidpunktoj. Kiel la demandaro de D-ro Riegel ilustras la subtilan intereson, kiu regis en la tiamaj jaroj ĉe la Nürnberganoj por ĉiaj mondlingvaĵoj, tiel la respondo de nia Majstro povas pretendi certe la intereson de la plej vastaj rondoj. Ĝi enhavas la pozitivan deklaron de D-ro Zamenhof, ke la kreado de Esperanto okazis pli frue kaj tute sendepende de Volapük kaj de aliaj sistemoj. Prave pretendas Zamenhof por si la originalecon pri la principo de la internacieco de vortoj. Do li estis la vera aŭtoro, dum la aliaj pli postaj nur ŝanĝis aŭ marĉandis tie aŭ tie ĉi je la praformo; li estis la konstruestro, la aliaj nur la ŝtonistoj, kiuj ne ekzistus sen li. Trafe li fine aldonas siajn bonajn argumentojn kontraŭ troa internacieco de vortoj, kiu eble kontentigas la poliglotulojn, sed multe plimalfaciligas la lernadon de la lingvo al neinstruitaj personoj.

Estas tre domaĝe, ke multe da interesegaj leteroj, kiujn Zamenhof interŝanĝadis kun la tiamaj Nürnbergaj samideanoj, speciale kun Leopold Einstein, post ties morto falis en malĝustajn manojn. Venos esperinde iam la tago, kiam ankaŭ ili retroviĝos je la ĝojo de la esperantistaro.

*D-ro Richard Ledermann.*

---

# XVa Universala Kongreso de Esperanto en Nürnberg.

## 5a Cirkulero.

1. **Protektorato.** — Lia Moŝto, prezidanto de la germana respubliko, Friedrich Ebert, bonvolis akcepti la honoran protektorecon por la XVa.

2. **Aliĝoj.** — Aliĝis ĝis fino de aprilo 2911 kongresanoj el 36 landoj. Bedaŭre ni devis sciiĝi, ke diversaj eksterlandaj samideanoj hezitas la aliĝadon timante personajn malfacilaĵojn dum vojaĝo kaj restado. Konsternite pri tio, ni rapidas konstati, ke ne estas kaŭzo por tiaj timoj.

3. **Kongreskotizo.** — Pro neantaŭvidita evoluo de la valutaj cirkonstancoj la projektita plialtigo de la kotizo depost 1a junio ne okazos, escepte por aŭstroj, germanoj, hungaroj, poloj kaj rusoj. Por la lastnomitaj landanoj, pro certigo de la budĝeto, plialtiĝos la kotizo depost 1a junio al 10000.— gmk.

4. **Kongresbanko.** — La kongresbanko estas la firmo Walk & Grün, Nürnberg. Ĝi starigos de 2a ĝis 8a aŭgusto apartan kontoron en la kongresejo.

5. **Financoj.** — Ni preferas ricevi la kotizojn el eksterlando per monbiletoj. Tiuj kongresanoj, kiuj tamen ŝatas pagi per bankĉekoj aŭ transpagiloj, bonvolu uzi, por ŝpari al si kaj al ni spezojn, la jenajn bankojn kunigitajn kun la kongresbanko:

*Ĉeĥoslovakio:* Allgemeiner Böhmischer Bankverein, Praha-Prag.
*Jugoslavio:* Kroatische Filiale des Wiener Bankverein, Zagreb.
*Hungario:* Britische-Ungarische Bank, Budapest.
*Aŭstrio:* Oesterr. Creditanstalt für Handel und Gewerbe, Wien.
*Italio:* Credito Italiano, Milano.
*Svisio:* Schweizerische Bankgesellschaft, Zürich.
*Francio:* Union de Banques Suisses, Zürich.
*Holando:* Rotterdamsche Bankvereeniging, Rotterdam.
*Anglio:* Kleinwort, Sons & Co., Londcn E. C. 3, 20 Fenchurch street.

6. **Fakkunsidoj.** — Estas plue anoncitaj la jenaj fakkunsidoj:

a) Universala Esperanto-Asocio Junulara, Adr.: Aleks. Hirsemann, Breslau, Herzogstrasse 36;
b) Vegetara Ligo Esperantista; Adr.: Oskar Bünemann, Hamburg-Fuhlsbüttel, Alsterkrugchaussee 586;
c) Katolikoj; Adr.: J Stahl, Nürnberg, Jakobsplatz 17, II;
d) Int. Ligo de Esp. Poŝtoficistoj (Ilepo); Adr.: sup. reg. konsilisto O. Reber, Bamberg;
e) Franka Esp. Ligo; Adr. la sama;
f) Framasonoj; Adr.: C. Barthel, Frankfurt a. M., Wöhlerstr. 14;
g) Kursgvidantoj; Adr.: Emil Kreibich, Kladno (Bohemio), železárny;
h) Instruistoj; Adr.: Hans Kaupper, Nürnberg, Parkstr. 13;
i) Eksmilitintoj kaj militviktimoj; Adr.: Karl Dörfler, Mühldorf a. J. (Bavario), Siedelungswerk.

7. **Kongreslibro.** — La presado de la kongreslibro komenciĝis. Krom la oficiala parto ĝi enhavas ankaŭ reklamojn, kiuj peras unikan okazon por internacia negoca propagando. Ni petas ĉiujn samideanojn interesigi gravajn firmojn kaj societojn de ilia urbo, por ke ili rekte interrilatu kun L. K. K. Unu paĝo kostas 120000, duona paĝo 65000, kvarona paĝo 35000 gmk.

8. **Poŝtkartoj.** — Belaj ilustritaj poŝtkartoj pri Nürnbergaj vidindaĵoj kun Esperanto-teksto jam nun estas livereblaj kontraŭ antaŭpago. La prezoj estas (inkl. sendkostoj) por 30 div. kartoj 4000, por 15 kartoj 2500 gmk.

9. **Kongresaranĝoj.** — En la kadro de la oficiala programo okazos Esperanto-prezentadoj „Natan la Saĝulo" de Lessing kaj Mozarta opereto „Bastien kaj Bastienne", instrument- kaj kantkoncertoj, diservoj en katolika, protestanta kaj hebrea ĉefpreĝejoj, internacia recitadmatineo, kabareda vespero, internacia kostumbalo kun enmetitaj popoldancoj, komuna tagekskurso al Rothenburg, mondkonata mezepoka juvelujo. Laŭdezire ni aranĝos postkongresajn ekskursojn al München (Alpoj) kaj Leipzig.

10. **Vivkostoj.** — Ni ricevas ĉiutage demandojn pri la prezoj por loĝado kaj manĝado. Pro la malstabileco de la cirkonstancoj estas ne eble, jam hodiaŭ komuniki definitive dumkongresajn prezojn, pro kio ni prokrastas tiurilatajn detalajn sciigojn ĝis pli poste. Por provizora informo ni aldonas, ke la entutaj kostoj potage estas nuntempe: Unuaranga hotelo 50000, duaranga hotelo aŭ komforta privatloĝejo 25000, bona privatloĝejo kun manĝado en restoracio ĉa. 12000, komuna manĝado kaj dumnoktado ĉa. 6000 gmk., ne enkalkulite la trinkaĵojn.

11. **Vojaĝkostoj.** — Ĉar la somera horaro aperos nur en la venontaj semajnoj, ni povas komuniki rilatajn detalojn nur en la venontaj cirkuleroj, same pri fervojaj rilatoj el landlimaj ĉefstacioj.

12. **Blinduloj.** — Aliĝis por la IIIa ĝis nun 83 partoprenontoj el 12 landoj. La kongresejo estas la Blindula Instituto. Ĝi faros la eblon pri plej malkara gastigado; la senkosta restado dependos de la ricevotaj donacoj, sed ne povas esti garantiata jam nun.

13. **Policanoj.** — Laŭ interkonsento kun la prov. direktoro de T. P. L., la L. K. K. prenis sur sin ankaŭ la lokajn preparojn por tiu ĉi fakkongreso, kies kunvenoj okazos en la historia ejo de la „Majstrokantistoj“. Urba polica patronaro estas certigita, senkostaj kuŝejoj disponigitaj. Pluaj detaloj en „Policisto“.

*Loka Kongresa Komitato.*

---

# Aktualaj Kongresdemandoj.

Nenio eble ilustras la ŝancojn de nia XVa pli bone, ol la registrinda fakto, ke ĝis mezo de februaro *kompletiĝis jam la dua milo da aliĝintoj* — unikaĵo en la historio de niaj kongresoj, kiu esperigas, ke la kalkulo je 5—6 mila kongresanaro ne estos utopio. Efektive ĉiu tago alportas novajn aliĝojn el ĉiuj landoj, kelkaj federacioj anoncis eĉ karavanopan partoprenon kaj la nepre kontentiga evoluado de la kongrespreparoj pravigas la fidon al plena sukceso. Alifianke ĝisvenis al L. K. K. lastatempe diversaj sugestioj, proponoj, kaj eĉ plendoj, kiuj ja estis jam respondataj de ni private, sed en intereso de nia U. K. estas pritraktindaj ankaŭ publike en nia Esp.-gazetaro por forigi ĉiujn miskomprenojn kaj unuigi ĉiujn fortojn en fidela kunhelpo al feliĉa prosperado.

Grava dubo, kiu kontraŭstaris jam en Helsinki la elekton de Nürnberg, estis, ĉu malafabla sinteno de sfinksa Bavara Registaro ne povus malhelpi la alvenigon de kelkaj miloj de fremduloj. La maltrankviliĝo pliiĝis, kiam tiu ĉi registaro, pro progresanta malhavo de nutraĵoj, decidis lastaŭtune denovajn *envojaĝajn malfaciligojn,* kiuj trovis multopan komentarion eksterlande. Speciale la angla kaj franca gazetaroj raportadis pri tiuj ukazoj, komparante pli malpli trafe la bavaran registaron al histriko, kiu ja konate ankaŭ detenas ĉiujn ne bonvenulojn per akraj bariloj. Kiel ni jam konstatis en nia dua cirkulero, tiuj ĝeneralaj malfaciligoj ne tuŝos la partoprenontojn je U. K. Laŭ oficiala deklaro de la Nürnberga Urbkonsilantaro, kiu estas laŭ bavara leĝo unusole kompetenta en tiu ĉi grava demando, ĉiu kongresano havos la envojaĝpermeson. Rilate al la restado oni decidis komence, ke ĉiuj kongresanoj el la sama lando pagu *kune* nur la unuopan kongreskotizon por la tuta kongressemajno. Sed montriĝis poste, ke multaj samideanoj intencas restadi pli longtempe en Bavario, vizitante ankaŭ aliajn vidindajn urbojn ekz. München, aŭ la belegan bavaran montegaron. Por eviti al ĉi tiuj gastoj novajn pezajn impostojn, la L. K. K. interrilatis denove kun la kompetentaj aŭtoritatoj kaj atingis aranĝon, laŭ kiu la kongresanoj pagu por *trisemajna restado en tuta Bavario proksimume nur la kvaronon de oficiala takso,* t. e. angloj: 5 ŝilingoj, hispanoj: 6 pesetoj, svisoj: 6 frankoj ktp. Cetere la lasta vorto ne estas ankoraŭ parolita, same kiel ankaŭ de la Germanrespublika Registaro favoraĵoj pri pasvizo k. a. nepre estas atendeblaj. Pri tio ni raportos post definitiva decido.

Multan maltrankviliĝon estigis dualinie, speciale en bonvalutaj landoj, la relative altaj kaj ŝajne malproporciaj *kongresaj kotizoj.* Bone sciante, ke financaferoj ĉiam iomete nervozigas, ni ne reriproĉu tiujn, kiuj pli malpli laŭte plendis kaj atakis la L. K. K.'on, opiniante ĝin ĉefkulpulo en tiu ĉi delikata afero. Tamen ni permesas al ni, por klarigi nian situacion, kelkajn principajn konstatojn unue: la kotizoj ne estas fiksitaj ekskluzive de L. K. K., sed laŭ regularo kaj interkonsento kun K. K. K.; ambaŭ komitatoj plej detale, zorgeme kaj konscience ekzamenis la malfacilan demandon kaj decidis fine *laŭ bazo de la XIVa kaj mezseptembraj statoj de la diverslandaj valutoj.* La Helsinki'a tabelo estis ja trovinta tiaman ĝeneralan konsenton, kaj la ĉiulandaj ekonomiaj cirkonstancoj certe ne pliboniĝis, sed plimalboniĝis interdume. Kaj efektive, komence neniu protestis kontraŭ la aranĝo kaj ĉio ŝajnis en bona ordo. Nur depost la senekzempla senvaloriĝo de la germana marko oni ekriproĉis pli malpli akre la nunan malproporcion kaj sugestis malpliigon de la bonvalutaj kotizoj. Ĉu tiuj ĉi samideanoj pripensis la neeviteblajn konsekvencojn de siaj postuloj? Certe ne! Alie ili devis facile ekkoni ke tia nova aranĝo estigus ĝeneralan konfuzon, multajn kostojn kaj veran fonton de ĉiamaj plendoj. Krom tio la kongresa kaso, ĵus pro la senvaloriĝo de la germana marko, *des pli necese bezonas la kompensigajn eksterlandajn kotizojn* por kontpagi la fakturojn por starigo de la kongresa oficejo, propagando, paperoj, presaĵoj, poŝtelspezoj, kongressignoj kaj aliaj necesaĵoj. Sed kial — oni konkludis — ĵus ni bonvalutuloj estu la viktimoj, dum la aliaj pagas veran bagatelon? Kontraŭ tio ni atentigas, ke laŭ septembra valuto 200 gmk. ne estis bagatela, sed sufiĉe alta sumo, des pli ke la salajroj tute ne plialtiĝis laŭ la ĝenerala plikariĝo. Cetere depost la 1. jan. la L. K. K. vinobligis la komencan kotizon por malbonvalutuloj, rezervante al si la rajton pri plua plialtigo laŭ progresanta senvaloriĝo de la germana marko. Trie: La feliĉaj bonvalutuloj ne forgesu, ke ilia *ŝajna plišarĝigo nepre kompensiĝas* per la supre menciitaj konsiderindaj favoraĵoj kaj la malmultekosta



Bonsukceson XVan!
Dr. [illegible]

restado en la ĉijara kongreslando, dum la malbonvalutaj samideanoj partoprenos la kongreson sub treege malpli favoraj cirkonstancoj. Konsiderante ĉiujn tiujn argumentojn, la L. K. K. je sia sincera bedaŭro principe devis malakcepti ĉiujn petojn kaj sugestiojn pri individua aŭ ĝenerala malaltigo de kelklandaj kotizoj, bone rememorante ke *la tuta budĝeta konstruaĵo ŝanceliĝus, se oni elprenus eĉ nur unu brikon.* Ni ĉesigis ankaŭ la tradician rabaton por samfamilianoj; kiu familiope povas fari 12—20 tagan vojaĝon, tiu povas pagi, laŭ ni, ankaŭ la regulan kotizon. Samkaŭze ni rifuzis la eksperimenton de kelkaj eksterlandanoj, transsendi la kotizon per germanaj bankbiletoj, pagante eĉ laŭ tabelo por malbonvalutuloj. La K. K. K. konfidas, ke la kongresanoj bone komprenas, se ĝi konsekvence firmtenas la kotizan tabelon. *Ĉiu helpu, laŭ sia povo,* kaj same kiel la L. K. K, tute malegoiste laboras tage kaj nokte por la komuna afero, tiel vi aliaj samideanoj bonvolu meti ĝoje kaj volonte kaj malheziteme vian obolon sur la altaron de Esperantujo. Nur tiamaniere ni evitos zorgigan kongresan deficiton kaj certigos al nia XVa kiel eble plej brilan daŭriĝon.

Sed ĉu ne estas preferinde plisimpligi la multekostajn festaranĝojn, kaj pli seriozigi samtempe la kongreson, akcentante pli multe la laborprogramon? Kontraŭ tio ni permesas al ni atentigi, ke ĉiuj grandaj kongresoj ŝatas brilan festan kadron. La okuloj de la mondo direktataj sur nia XVa, juĝos, ne sciante sekvi niajn labor- kaj fakkunsidojn, unualinie laŭ eksteraĵoj. Ju pli impresiga la tutaranĝo, des pli granda la propaganda efiko. Krom tio post serioza laborado la samideanaro rajtos amuziĝi, kaj multaj feriuloj serĉante distraĵojn preferas manifesti amuziĝante.

Pro tio ni ankaŭ ne povas konsenti la proponon de D-ro Stromboli kiu proponis malkoncentrigon de niaj universalaj kongresoj. Ĉia apartiĝo de fakkongresoj estus bedaŭrinda malpliiĝo de U. K., kiu perdus aliakaze ĉian sciencan kaj praktikan valoron kaj restus fine nura festo. Ankaŭ praktike la propono ŝajnas al ni ne bone efektivigebla, ĉar la kongresanoj devus vojaĝi de lando al lando, de urbo al urbo, kio kaŭzus nuntempe multe pli da elspezoj ol la partopreno en unu granda kongreso, kiu unuigas la saminteresulojn sur ĉiuj ajn kampoj. La ĝusta postulo pri pli fruktedona estigo de niaj fakkunsidoj estas pli bone realigebla per zorgema preparado de la tagordo, per elekto de taŭgaj raportanto kaj kunraportanto, per eksigo de nuraj scivolemuloj, per antaŭa korespondado de la partoprenontoj. Tiusence klopodos la L. K. K. kaj esperas kontentigi samgrade la scienculojn, praktikulojn kaj festemulojn.

Multe pli zorgigas la L. K. K.'on la nuntempa germanlanda kaj tutmonda politika situacio, kiu plimalfaciligas konsiderinde la propagandon kaj palpeble hezitigas la aliĝojn el kelkaj landoj. Sed fine U. K, ja ne estas politika sed kultura afero, kaj estu nia celado akcenti kaj substreki ĉiuokaze la nepolitikan karakteron de nia manifestacio. Esperu ni, ke la minacanta nubaro estos malaperinta ĝis la kongreso, tiel ke rebrilos ridetanta ĉielo sur nia XVa. Kio ajn okazos, la L. K. K. staros firme ĉe la direktilo kaj klopodos per ĉiuj fortoj direkti feliĉe la kongresŝipon en la certan havenon.

Zorgigaj infanoj, laŭ proverbo, faras fine al siaj gepatroj la plej multan ĝojon. Do, ni ne plendu tro laŭte pri okazaj malhelpaĵoj, ĉagrenoj kaj zorgoj! Eble ankaŭ ili kontribuos, post feliĉe superigita krizo pliŝatigi al ni ĉiuj la XVan!

D-ro *Richard Ledermann,*
prezidanto de L. K. K.

---

# KRONIKO.

## Aŭstrio.

En Wien la 15 lokaj grupoj plivigligas sian agadon. 102 kursoj okazis lastan vintron. Pri la Venezia Konferenco raportis al delegitara kunsido S-ro Schade kaj du eminentaj travojaĝantoj Prof. Bovet el Ĝenevo kaj S-ro Fisher el Bukureŝti. Societo „Danubio" elektis novan komitaton kaj organizas paroladojn en Esperanto. En IXa distrikto fondiĝis nova societo „Progreso" kun 2 kursoj. Pliajn kursojn malfermis Societo „Komensky" 1, „Bohema esp. Klubo en Vieno" 4, „Esp. junularo" 2, Laborista esp. Societo „Frateco" 3 kun 197 partopren. Ĉe ties kursoj la nombro da lernantoj konstante kreskis pro uzo de natura metodo lernita de la instruanto en militkaptejo Siberio, kie li tiel akiris nian lingvon. Simpatiantoj kaj laboristoj korespondu kun „Frateco", loka Esperanto-Grupo Floridsdorf, Wien XXI./1, Arbeiterheim. La fondo de tiu nova grupo estas unu el la signoj de granda intereso nun vekita inter aŭstria laboristaro laŭ la gazeteltranĉaĵoj.

## Bulgario.

Laŭleĝa instruado de Esperanto kiel elektebla fako en duagradaj lernejoj daŭras regule. En **Sofia** nia delegito S-ro Minkov ankaŭ faras kurson en la ŝtata Mekanika-Teknika Lernejo. En **Pleven** okazas 7 kursoj kaj unu ĉe instruista instituto. Nova grupo fondiĝis en **Brezink**. Eĉ oni parolas pri XVIa Kongreso!

## Ĉeĥoslovakio.

En **Praha** F-ino Šupichova faris paroladojn en Pacifista Unuiĝo, en fraŭlina pedagogia lernejo en Vlašim ktp. „Rondeto de esperantistinoj" ankaŭ organizis sukcesan vesperfeston de junaj kursaninoj kun gepatroj. Virinoj vigle agadas en progresema Ĉeĥoslovakio. En **Hohenelbe** F-ino Tham parolis al geinstruistaro kaj nun instruas en la ŝtatlernejoj. En **Olomouc** Esperanto estas instruata en la popola universitato.

De la **Ligo de germanaj Esp. societoj en Ĉeĥoslovakio** ni ricevis la jenan raporton (Ni tre petas la Ĉeĥoslov. Esp.-Asocion ankaŭ sendi al ni informaron telegrafstilan):

**B.-Leipa.** — Fondiĝo de la labora distrikta unuiĝo B.-Leipa de la Ligo.

**Freiwaldau.** — La nove fondita grupo bone laboras. Kunveno en privata domo de l' estrino ĉiuvendrede vespere.

**Jägerndorf.** — La 15an de februaro S-ro Horn paroladis inter laboristoj en la laborista hejmo en Jägerndorf pri Esperanto. La interesa parolado estis ofte aplaŭdata kaj montriĝis, ke ĉi tie inter la laboristaro estas granda intereso por Esper. Ĉeestis la paroladon 70 personoj. Kurso komenciĝos. La unuiĝo de germanaj esperantistoj aranĝis post fino de du bone sukcesintaj kursoj novan kurson por komencantoj vizitata de 28 personoj kaj perfektigan kurson. Unuan gvidas S-ro instruisto Wünsch, duan S-roj Ing. Aurich kaj pastro Herkommer.

**Haida.** — Dum la jara ĉefkunveno oni elektis novan estraron.

**Hohenstadt.** — Fondiĝo de la labora distrikto Mähr. Schönberg la 18an de februaro. Aliĝis esperantistoj el Landskron, M. Schönberg, Hohenstadt, Zwittaŭ, M. Trübau, Hoflenz, Hannsdorf kaj Triebendorf.

**Leitmeritz.** — En Monaĥeja Lernejo por knabinoj instruas fratino Sigisberta (ŝtate ekzamenita) 23 lernantinoj; du horojn po semajno. En la Burĝa Lernejo instruas en la 4a klaso por knabinoj instruistino Wadtosch (ŝtate ekzamenita). En Gimnazio

instruas Prof. D-ro Hiekel lernantojn en privata kurso. S-ro Prof. D-ro Hiekel gvidas ankaŭ publikan kurson de la unuiĝo por plenaĝuloj. Konversacia kunveno de la grupo ĉiusemajne du horojn en la urba biblioteka ĉambro. La „Leitmeritzer Zeitung" aperigas ĉiusemajne Esp.-angulojn kaj kurson por la legantoj.

**Moschen** apud **Kostenblatt.** — Laŭ invito de socialista junularo en Moscsen-Welhenitz S-ro B. Guttmann el Pyhanken faris la 25an de februaro propagandan paroladon pri „Internacia mondhelplingva problemo kaj laboristaro". Kurso gvidata de S-ro Guttmann komencis.

**Reichenberg.** — Dum la jara ĉefkunveno oni elektis novan estraron. La grupo elektis novan klubejon en la „Urstoffhalle" sur la ĉefplaco kie la grupanoj kunvenas ĉiuvendrede. En klubejo paroladis S-ro Brejcha pri „Vojaĝo en Svisujo, Francujo kaj norda Afriko", S-ro Prof. Scholze pri „Lando, popolo kaj kulturo de Finnlando". Li disdonis propagandilojn de la Finnlanda Foiro. Konversacia kunveno ĉiumarde ejo de Y. M. C. A. de la 8—10 vespere.

**Teplitz.** — S-ro Kreibig finis kurson kun 12 anoj kaj aranĝos perfektigajn vesperojn ĉiusemajne en la kunvenejo. La 7. II. ĉefkunveno de la grupo. La „Teplitzer Zeitung" en havas ĉiusabate Esp.-angulon. Elektitaj delegitoj de UEA: D-ro Ed. Knauer; VD. Júl. Kreibig. Aliĝis 5 anoj al UEA.

**Troppau.** — Okazis la ĉefkunveno de la germana unuiĝo. Kurso por komencantoj sukcese finiĝis.

**Turn.** — Parolado de S-ro Taubmann pri Esperanto. 120 aŭskultantoj. Kurson gvidas S-ro Juln kun 48 gepartoprenantoj.

**Eichwald** kaj sekcio en **Wistritz-Pyhanken.** — Oni elektis dum la ĉefkunveno novan estraron. Ĉiumerkrede perfektiga vespero en la „Esperanto Hejmo" Pyhanken. En la socialista ĵurnalo „Freiheit" (Libereco) aperas ĉiusabate Esperanto-angulo. Klubejo por Eichwald en la gastejo „Zum Rosengarten".

**B.-Kamnitz.** — Regulaj kunvenoj ĉiumerkrede en la grupejo „Hotelo Post". La 10. II. karnavala vespero kun bona propaganda sukceso.

**Bodenbach-Tetschen.** — La 10. II. karnavala balo sub la titolo „Unu nokto en Esperantujo". Ĉeestis proksimume 200 personoj. Bona propaganda kaj financa sukceso. Partoprenis gastoj de la grupoj el Aussig, Leitmeritz, Teplitz, Krochwitz, Haida, Königinhof. La 21. III. ĉefkunveno en la grupejo „Zeughaus" en Bodenbach.

## Estonio.

**Esperanto-Asocio de Estonio.** — La 8. IV. je la 11-a matene okazis la unua ĝenerala kunveno de Esperanto-Asocio de Estonio, partoprenita de 88 personoj. Oficiale estis reprezentitaj la societoj en Narva, Haapsalu, Tallinn, Tartu kaj Valk; mankis nur la societo en Kuimetsa. La kunvenon malfermis S-ro inĝ. Vaher.

Post konfirmo de la protokolo de la malferma kunveno de E. A. E. la prezidanto de la Asocio S-ro inĝ. Vaher raportis pri ĝia agado. E. A. E. konsistas el 6 societoj kun 409 anoj. Dum sia duonjara ekzistado ĝi faris ĉion eblan por akceli la Esp.-movadon en Estonio: ĝi partoprenis la aŭtunan tutlandan agrikulturan ekspozicion per Esp.-fako, eldonis flugfolieton pri Esperanto, havigis al la estonaj esperantistoj favorkondiĉan vojaĝon al la XIVa en Helsinki, aranĝis kurson en Pärnu k. a. Inter la raportoj de la lokaj societoj estu notataj tiuj en Valk kaj Tallinn. La unua, kvankam fondita nur antaŭ duonjaro, jam havas pli ol 50 anojn kaj bone propagandas. La dua estas la plej granda Esp.-organizaĵo en Estonio. Ĝi posedas bonan bibliotekon kun preskaŭ 700 libroj, aranĝis multe da sukcesaj kursoj. Por ebligi praktikan uzadon de Esperanto, ĝi aranĝas somere ekskursojn, vintre festetojn kaj kunvenojn, debatojn k. a. Okazis pluraj paroladoj pri Esperanto, Esp.-gazetoj estas multe legataj — en la societejo, en la Urba Publika Legejo kaj krome ili estas ope vendataj surstrate. La societo rajtas konstati, ke ĝiaj anoj flue parolas Esperanton.

En la estraron de E.-A. E. estis elektitaj: S-ro Vaher, prez.; S-ro Türn, vicprez.; S-ino Dresen, sekr.; S-ro Sakaria, kas.; (ĉiuj el Tallinn), ceteraj anoj: S-ro Protopopov (Valk); S-ro Tamm (Kaarepere): S-ro Kass (Tartu); S-ro Muurmetsä (Narva); S-ro Ernits (Valk); S-ro Grünthal (Haapsalu) kaj S-ro Eik (Tallinn). La revizia komisiono konsistas el: S-ro Rosenberg (Tallin), S-ro Sõnne (Nõmme) kaj S-ro Meckart (Tartu). Oni elektis S-ron Vaher reprezenti E.-A. E. en Nürnberg dum la XVa.

Post la interesaj raportoj de S-roj Kass, Türn, kaj Sakaria oni decidis elekti enlandan Lingvan Komisionon, kies centrejo troviĝu en Tallinn ĉe le Asocio, por kontroli ĉiujn Esp.-eldonojn estonajn kaj evitigi per tio la eldonon de malbonstilaj Esp.-libroj.

Vespere la esperantistoj vizitis la Esp.-vesperfeston aranĝitan je la honoro de la aliurbaj gastoj. Oni aŭskultis deklamojn, kantojn, violonsolon, Esp.-teatraĵon „Uniformo" k. a. E. A. E. uzas la okazon por danki al niaj operaj kantistoj G-roj Kikas, ĉiam afable konsentantaj kanti dum niaj Esp.-festoj kaj speciale lernantaj por tio la Esp.-tekstojn de siaj kantoj.

## Francio.

En la gazetaro komerca kaj respublikana aperis bonaj artikoloj pri la Venezia Konferenco. Al la Pariza Komerca Ĉambro S-ro André Baudet raportis pri sia delegiteco kaj la sukceso de la konata rezolucio. Ĉe oni rimarkis la malantaŭenpaŝon de la ministro Bérard, kiu nun publike konfesis la utilecon de Esperanto por komerco. La Parizan grupon vizitis D-ro Privat la 4 majo. Amikaro Esperantista en Lyon organizis sukcesan feston. Societo de Komercistoj fondiĝis en Parizo sub nomo „Esperanto et Commerce", prezidata de S-ro Balliman, por organizi import- kaj eksportadon per nia lingvo. Adreso: 51 rue de Clichy.

La Kongreso de la P. T. T. (Poŝtoj, Telegrafoj, Telefonoj) akceptis sendiskute jenan deziresprimon pri la uzo de Esperanto en telegrafaj komunikoj:

1. La administracio de telegrafoj de la Franca Respubliko akceptu la helpan internacian lingvon Esperanto kiel „klara teksto" en la redakto de telegramoj interne de la lando.
2. La Telegrafa Internacia Oficejo akcelu la akcepton de la helpa internacia lingvo „Esperanto" kiel „klara teksto" en la redakto de telegramoj en internaciaj rilatoj.
3. La Universala Telegrafa Unuiĝo akceptu la helpan internacian lingvon „Esperanto" en la redakto de la prokrasteblaj telegramoj.

## Italio.

Pri la Venezia Konferenco aperis sufiĉe multaj artikoloj en la gazetaro. Tamen urĝas organizi pli efikan gazetarservon. T. E. I. studas tiun aferon. En **Venezia** mem alvenis novaj aliĝoj al grupoj kaj kursoj. En **Firenze** S-roj Grazzini kaj Mazzolini gvidas kurson en ŝtata instruistina lernejo. En **Udine** nia delegito S-ro Della Savia gvidas 2 en la Reĝa Teknika Instituto. En **Ĝenova** la laborista esperanto-grupo daŭrigas ageman propagandon kaj estas ĉiam preta sendi senpage aŭ kontraŭ laŭvola donaco ekzempleron de la nobla verko de Mazzini: „La devoj de la Homo", sekr. S-ro Ettore, Managlia, casella Postale 922, Ĝenova.

## Jugoslavio.

La Venezia Konferenco ankaŭ efikis tie apude. Artikoloj aperis en gazetaro. Reveninte al **Zagreb** S-ro Dutkoviĉ raportis al Foiro Turisma Asocio, Banka Unuiĝo ktp. En **Osijek**

paroladis D-ro Dušan Maruzzi kaj fondiĝis grupo. En **Obrovac** (Dalmacio) efike propagandas S-ro Marinovič.

## Latvio.

Delegitaro de Riga Esp. Societo vizitis la novan ministron de instruado kun petskribo, akompanata de la raporto de la Ligo de Nacioj kaj protokolo de la Ĝeneva Konferenco. La ministro promesis tre simpatie fari ĉion eblan por enkonduki la nedevigan instruadon de Esperanto en lernejoj kaj li petis la opinion de la universitato pri la afero. Ties konsilantaro malrekomendis la aferon pretekstante, ke pli gravas lerni la grandajn kulturlingvojn, dum kontraŭe la ministro vidis en Esperanto rimedon por ke la malgrandaj nacioj liberiĝu de troa fremdlingveco kaj disvolvigu sian propran kulturon. La Riga Esp.-Societo petas ke esp.-societoj kaj eminentaj samideanoj diverslandaj skribu al la ministro por lin kuraĝigi en lia intenco kaj subteni lian vidpunkton.

## Rumanio.

El **Bukurešti** ĉien agadas la senlaca Centro Esperantista fondita malavare de S-ro Fisher kun la sindona helpo de abato Ĉe. Plej grava okazintaĵo estis la invito al Prof. Pierre Bovet, el Ĝenevo, kiu paroladis pri pedagogio kaj Esperanto en Fondaĵo Carol antaŭ multnombraj aŭdantaroj de universitatuloj, vizitis aŭtoritatojn, donis intervjuojn al gazetaro ktp. En **Temesvar** okazis publika ekzameno post fino de la kurso kun granda festo kaj paroladoj. Novaj grupoj aŭ kursoj organiziĝis en **Arad, Bukurešti, Cluj, Caranšebes, Elisabetpol, Ludošul de Mueš, Petrošeni, Orsova, Sepsiszentgyörgy, Sibiu, Slatina, Tighina, Targul-Mureš.** Tra la tuta lando vojaĝas nun inspektoro-organizanto sendata de la Centro Esp. en Bukurešti S-ro Julio Negulescu por helpi la grupojn provincajn. Jen kiamaniere oni organizas veran nacian esp.-movadon!

## Rusio.

Nia movado nun ĉie revigliĝas en tiu vasta lando. En **Moskvo** aperas tre lerte redaktita revuo „Nova Epoko" kaj preskaŭ ĉie malfermiĝas kursoj. En **Kazan** reorganiziĝis la esp. Societo. Esperanto estas nun instruata en la kom. Universitato al tataraj studentoj kaj ankaŭ en la Farmacia Lernejo. Iun helpon per presaĵoj, literaturaĵoj danke ricevos la Societo, prezidanto S-ro Vadim' V. Obrazcov, Popova gora 34; 6, Kazan.

En la gazeto de rusaj rifuĝintoj eksterlande **„Rul"** aperis la 4 aprilo noto alvokanta ĉiujn esperantistojn rusajn en eksterlando aliĝi al sia nova grupo per adreso de A. Markov, Franciskanska 4 m. 24, en Varsovio (Pol.)

El **Odessa** ni ricevis la jenan leteron:

SOCIETO „ESPERANTO"
ODESO [ODESSA] RUSIO — 23. V. 1922.
Placo de K. Marks 3

N 93.

Estimataj Samideanoj!

Ĉiuj certe scias en kiaj materialaj kaj moralaj cirkonstancoj oni vivas nun en Rusio, sed ankoraŭ en pli malfavoraj kondiĉoj troviĝas esperanta movado en nia regiono. Malgraŭ tiu ĉi malakcelado, Odesa Societo „Esperanto", unu el la plej malnovaj en Rusio kaj eble en la tuta mondo, daŭrigis sian laboron kaj propagandon por Esperanto eĉ dum la plej malfavoraj momentoj. Oni ne povas imagi kiom da suferoj materialaj kaj moralaj renkontadis la esperantistoj plenumante sian devon. Ne estas ankoraŭ tempo por priskribi ĉion, ni nur povas diri, ke Odesaj esperantistoj faris ĉion kion ili povis: ili seninterrompe daŭrigis la laboron de antaŭa tempo. Maldensiĝis la aro de pioniroj de Esperanto en Odeso, mortis gesinjoroj Urjasov, Orlovskij, kelkaj maljuniĝis, malfortiĝis kaj malsaniĝis en severa batalo pro la vivado. Interalie en Odeso vivas ankoraŭ kaj mizeras unuaj pioniroj de Esperanto prof. Šatunovskij, fame-konata verkisto A. Kofman, V. F. Didriĥson [la plej malnova en Odeso esperantisto, eks-volapükisto, *dumviva* membro de UEA]; sed la restintoj ne ellasis el siaj manoj nian standardon ĝis nun. Tutan tempon en Odesa Societo antaŭe 4 foje kaj nun 2 foje en semajno okazas deĵorado, estis arANĝitaj multe da propagandaj paroladoj en teatroj, kluboj, institucioj ktp.; estas organizitaj pluraj kursoj, okazis disputo kontraŭ malamikaj por Esperanto filologoj-profesoroj de Universitato; oni eldonas ĉe Societo manuskriptan ĵurnalon „Obstine Antaŭen!" Estis aranĝita Esperanta ekspozicio ktp. ktp. Kaj ĉio sen ia helpo de ia ajn flanko [de regna Lernej-Kleriga Fako la Societo ne ricevadis subvenciojn]. Ĉiuj niaj membroj estas malriĉaj kaj ni eĉ ne povis difini ian sufiĉan kotizaĵon por akiri iom da mono por urĝaj bezonoj. La Societo preskaŭ ne povas korespondadi pro alta poŝtarifo. La Societo havas dank' al penoj de la prezidanto belan ĉambron-salonon en la centro de la urbo, sed bedaŭrinde ni ne havas sufiĉe da mebloj. Vintre estis malvarme kaj mallume, kaj nur printempe ni povis rekomenci nian agadon, ĉar neniu el publiko volis viziti nian Societon vintre. Nun eksciinte, ke per Internacia Ruĝa Kruco estas organizita helpo al esperantistoj en Rusio, ni petas Vin subteni la plej malsatantajn esperantistojn, sendante per Ruĝa Kruco produktaĵojn. La Komitato de la Societo esperas, ke ĝiaj malnovaj kaj estimataj membroj, kiuj nun malsatas, ricevos ian subtenon, kiu signifos ne nur materialan helpon en ilia terura stato, sed ankaŭ moralan subtenon, pravigantan tutmondan fratecon de esperantistoj.

Prezidanto: V. Vozdviĵenskij.
Sekretario: S. Rublev.

## Azio.

Dank' al vizitoj de ĉina kaj poste de japana esperantistaj studentoj aperis multaj artikoloj pri nia lingvo en la gazetaro de **Manĝurio.** Esp. societoj kaj kursoj organiziĝis en **Ĥarbin** kaj **Kuanĉenczi.** En Siberio ekzistas novaj grupoj en **Ĉita, Vladivostok, Blagoveščensk, Barnaul, Omsk.**

## Ameriko

En granda loĝio framasona de Kalifornio „Balder" en **St. Francisko** paroladis S-ro Brewster F. Ames. S-ro H. W. Hetzel parolis dum 25 minutoj pri Esperanto ĉe stacio de senfadena telefonio. Sekve venis kelkaj petoj pri Esperanto. La grupo de Boston aranĝis sukcesan bazaron. La movado estas sukcesa precipe en Philadelphia, New York kaj Toronto (Kanado). „Amerika Esperantisto" klopodas vigligi ĉie la grupojn.

# Svisa Esperanta Societo.

Dum aprilo la Centra Komitato ricevis raportojn de la grupoj en Bern, Lausanne, Lugano, Genève, St. Gallen, Zürich kaj de S-ro Jules Perlet, Gutenbergstrasse 31, Bern, kiu daŭrigas sian propagandadon per lumbildoj kun granda sukceso. Por aĉeti propran projektilon la monkolekto jam alportis 153 fr., al kiu la komitato de S. E. S. aldonas 25 fr. Pliaj helpontoj sendu rekte al S-ro Perlet, kiu disponigos la lanternon al grupoj.

La Centra Komitato havigis kliŝojn pri Finnlando al la grupoj por paroladoj okazintaj en *Le Locle, Zürich, St. Gallen* kaj *Bern,* kie S-ro Spielmann paroladis ĉe Malnovkatolikoj, ĉe Turista Societo, ĉe Ŝtatburĝa Kurso kaj ankaŭ en *Olten.*

En *Bern* S-ro Perlet estas invitita nun instrui Esperanton en la kompletiga lernejo de l' Oficistara Societo. En *Ĝenevo* la grupo „Stelo" adiaŭis japanan samideanon S-ron Fujisawa, la fondinton de Esperanto-Rondo inter oficistoj de la Ligo de Nacioj, kaj bonvenigis S-ron Janagita. Prof. Bovet raportis pri sia propagandvojaĝo en Rumanio kaj D-ro Privat pri la Venezia Konferenco. Post liaj paroladoj en Tiĉino malfermiĝis kursoj en *Lugano* (20 p.), en *Locarno* (60 p.) kaj *Bellinzona.*

*Alice Diekman,* sekretariino de S. E. S.

* * *

Oni memoras, ke la lastjara ĝenerala kunveno de S. E. S., okazinta la 10an de decembro en Zürich, decidis, ke nia societo kunvenos dum la jaro 1923 en Bern laŭ invito de la grupo en tiu ĉi urbo. La preciza dato (aŭtuna) estos baldaŭ fiksita kaj konigita al la membroj.

La antaŭtagon, t. e. sabaton posttagmeze, okazos ankaŭ en Bern grava ekzamenkunsido, por kiu kelkaj kandidatoj jam anoncis sian partoprenon. La Ekzamena Komitato de S. E. S. organizos kaj gvidos mem tiun kunsidon, kiu estos samtempe por la supera ekzameno (akiro de la „Supera Diplomo") kaj la malsupera (Atesto pri Lernado).

La subskribinto, kies adreso estas: Côte 113 en Neuchâtel, sendos tre volonte ĉiujn utilajn informojn pri tiu ekzamenkunsido, kaj speciale la oficialajn regularon kaj programon de l' ekzamenoj.

La kandidatoj povas jam de nun sendi al li sian enskribiĝon.

Neuchâtel, la 4an de aprilo 1923.

La prezidanto de l' Ekzamena Komitato de S. E. S.
*Jean Wenger.*

# Esperantista Literatura Asocio.

*Maja raporto.*

Nia diligenta kolegaro
En laboro paca ne laciĝos

Ĉu la cito sur librotitolo: Rekomendita de Esperantista Literatura Asocio nuntempe estas utila, necesa kaj ebla? Jen grava demando, kiu postulas pripensadon. En la komenco de la ELA-laboro ni volis nur diri: „Kontrolita de Esp. Lit. As.", ĉar ni ne volis laŭdi kaj aprobi. Ni nur volis eviti la aperon de libroj kun naciismoj kaj eraroj. Sed la eldonistoj kaj verkistoj preferis la vortojn: Rekomendita de Esp. Lit. As. Ĉi tiu formo, kvankam ne necesa, sin montris bona kaj utila. Neniam ĝi estis facilanime uzata, ĉar ELA laboris tre singardeme. Ĉiu manuskripto estas sendata al du diverslandaj kolegoj, kiuj krajone kaj inke faras korektaĵojn kaj ŝanĝproponojn. La manuskripto revenas al la administrejo kaj de tie estas resendata al la aŭtoro. Li akceptas aŭ ne akceptas la proponojn, serĉas eldoniston kaj restas responda je sia verko. La laboro ĝis nun ĉiam bone efikis, post la militfino ĝi denove pli vigle funkcias. Nur la alta poŝttarifo en la lando de la administrejo estas malhelpaĵo, sed per la pligrandigita kotizo la daŭrigo estas ebla.

Tre bonaj libroj aperis sub la flago de ELA, kiujn ni citas en niaj raportoj. La plej nova estas: Idoj de Orfeo, originala romano de H. J. Bulthuis (L. K.) Den Haag (Nederlando) 1923. Propra eldono de la aŭtoro. Daguerrestr. 84. Tiu ĉi libro certe tre ĝojigos la legantojn, same kiel la jam citita Taglibro de Vilaĝ-pedelo, kiu laŭ stilo kaj enhavo estas bonega verko. Ĝia recenzo en Esperanto-Praktiko ne estas favora, sed la gusto estas diversa, aliaj recenzistoj sendube tre ŝatos la verkon. Krom tio la kritiko ankaŭ enhavas gravan ofendon al la Esp. Lit. Asocio, kontraŭ kiu ni serioze devas protesti, energie ni defendu la Asocion. Dum preskaŭ 12 jaroj la kolegaro sindone kaj malegoiste laboris, kun miro kaj indigno ĝi legos ĉi tiun publikan ofendon. Ni esperas, ke io simila jam ne okazos.

Nia malnova kolego, S-ro Petro Stojan (L. K.) denove aliĝis, li anoncas sian helpemon, kvankam li mem laboras nun super propra verko: Originalaj esperantaj proverboj kaj enigmoj. S-ino R. Spero demandas, ĉu oni legas ŝian tradukon: La urbo de Belega Sencensaĵo. Eld. 1912. (Centra eldonejo por stenografio, Magdeburg [Germ.]). La libro estas elvendita, same kiel: For la batalilojn. (Trad. de A. Gaumont). Kiu helpos je nova eldonado? S-ro Barthelmess kontrolos laŭ la difinoj de ELA: Eklumo en la Abismo, de H. Barbusse. Laŭ la sama principo la estraro de E. T. kontrolos originalan romanon de J. Baghy, kiu enhavos priskribon de la vivo de militkaptitoj en Siberio. La romano aperos en E. T. Baldaŭ aperos: Tri unuaktaj komedioj per la Esperantista Biblioteko Internacia en du volumetoj. Ankaŭ la traduko: Homo eninga, tie aperos. Nia kolegino, Maria Ŝidlovskaja estos tre kontenta, ke ŝia traduko ne perdiĝis.

S-ro Rudolf Unger post resendo de manuskripto (Egmont) por ĉiam forlasis Chemnitz (Saks.) Li forgesis, skribi sian novan adreson, ni petas nian ŝatatan kolegon, ke li ĝin sendu.

Novaj adresoj: S-ino R. Spero, Pretorio, Transvaal, Shoeman Str. 618; S-ro Petro Stojan, Kiŝinau, Rumanio, Str. Spital 10; S-roj Rudolf kaj Bruno Maske: Rogoŝno ĉe Posnaŭ, str. Mata Posnanska, 327.

Kotizon sendis: S-ino R. Spero, S-roj H. J. Bulthuis, P. Gottgetreu, J. Jurysto, J. Krepelka.

Ni nur tie ĉi danke kvitancas.

*Marie Hankel,* Dresden, Nicolaistr. 18.

# Centra Dana Esperantista Ligo.

**Oficialaj informoj.**

**Reprezentantara kunveno** en C. D. E. L. okazis la 15an de marto 1923.

Oni decidis delegi al la Komerca Konferenco en Venezia la prezidanton de C. D. E. L., S-ro Taŭmose, kaj la sekretariinon F-ino Lissy Asmussen; kiel tria delegito estis elektata S-ro Carlsen de Odense, estrarmembro de la Ligo.

Kaŭze de la Konferenco estas sendita al UEA raporto pri spertoj faritaj en Danlando de komercaj firmoj ktp., kiuj uzas aŭ uzis Esperanton.

Cetere estis decidata rilate al eventuala jarkunveno kune kun la jara ĝeneralkunveno de C. D. E. L. dum tiu ĉi somero, ke oni aranĝu tian, se iu provinca klubo anoncos, ke ĝi deziras la jarkunvenon en sia urbo. Se neniu provinca klubo havas dezirojn tiurilate, jarkunveno ne okazos dum tiu ĉi jaro, sed la ĝeneralkunveno de C. D. E. L. estos aranĝata en Kopenhago, verŝajne Pentekoste.

Krom tio ĉi ni deziras sciigi al la danaj esperantistoj, ke C. D. E. L. prenis sur sin la taskon vendi en Danlando la kuponkartojn, kiuj estas vendataj inter la esperantistoj de la tuta mondo profite al monumento de Đ-ro Zamenhof. (Superflua mono estos utiligata al la honorigo kaj daŭrigo de la memoro de la kreinto de Esperanto.)

Ĉiu kuponkarto kostas 20 kronojn. La kartoj konsistas el 20 kuponoj, kaj se oni ne deziras unu tutan karton, tiam oni povas aĉeti tiom da kuponoj, kiujn oni emas. Ĉiu kupono kostas 1 kr., kaj sur ĉiu troviĝas malgranda bildo de D-ro Zamenhof. C. D. E. L. esperas, ke la danaj esperantistoj montros sian dankemon al nia Majstro per grandamasa kaj baldaŭa aĉeto de la kuponoj.

Kontraŭ ensendita mono ili estas haveblaj ĉe la kasistino de C. D. E. L., F-ino Anna Jörgensen, Tordenskjoldsgade 17[4]. — Kiel subagentoj por C.D.E.L. funkcias S-ro Alfr. Christensen en Odense, S-ro Etzerodt en Aarhus kaj S-ino Mammen en Grenaa, ĉe kiuj oni tiel ankaŭ povas aĉeti la kartojn kaj la kuponojn.

* * *

Pri la lastaj reprezentantaraj kunvenoj ni — pro diversaj kaŭzoj — ne estas raportintaj per „Esperanto", sed sciigoj pri la kunvenoj ĉiun fojon estas senditaj al la klubestraroj.

Kun samideanaj salutoj!

*A. Taumose,* prezidanto. *Astrid Rybo,* sekretariino.

# Antaŭkongreso en Parizo.

Pro malbonaj cirkonstancoj la Komitato de la Antaŭkongreso en Parizo dum julio 1923 decidis ne organizi internacian antaŭkongreson en tiu ĉi jaro

La aliaj gazetoj bonvolu represi.

**Por la Komitato:**
La Ĝenerala Sekretario:
*P. Petit,*
59, Rue de Neuilly,
Rosny-s-Bois (Seine).




# UNIVERSALA ESPERANTO-ASOCIO

## OFICIALA INFORMILO.

**Celo:** *Disvastigi la uzadon de la internacia helplingvo Esperanto. — Plifacil̂igi la ĉiuspecajn moralajn kaj materiajn rilatojn inter la homoj, sen diferenco pri raso, nacieco, religio aŭ lingvo. — Krei internaciajn servojn uzeblaj de ĉiuj homoj, kies intelektaj aŭ materiaj interesoj celas trans la limojn de ilia genta aŭ lingva teritorio. — Kreskigi inter siaj membroj fortikan senton de solidareco kaj disvolvigi ĉe ili la komprenon kaj estimon por fremdaj popoloj — UEA kunigas la samideanojn, kiuj per la forto de sia nombro kaj la utiligo de la Zamenhofa lingvo volas pruvi al la mondo, ke Esperanto vivas, taŭgas kaj progresas.*

**Servoj:** *Ĉiu membro rajtas peti informojn de la Delegitoj, uzi la servojn de la Asocio, senpage ricevi la Oficialan Jarlibron.*

**Kotizoj:** Oficialaj prezoj en svisaj frankoj. *Membro* (M) *5 Fr. Membro-Abonanto* (MA) *12,50 Fr. Membro-Subtenanto* (MS) *25 Fr.* La MA kaj MS ricevas la gazeton. — *Membro-Dumviva* ricevanta la gazeton kun ĉiuj oficialaj dokumentoj: *300 Fr.* (Partopagoj trijaraj po 100 Fr., sed neniu nacia prezo kiel ĉe aliaj membro-kategorioj. — Naciaj prezoj por M, MA, MS:

**Aŭstrio:** Kr. 20, 40, 150 mil; **Belgio:** Fr. 10, 25, 50; **Britio:** ŝil. 5, 12/6, 25; **Bulgario:** L. 45, 100, 400; **Ĉeĥoslovakio:** Kr. 18, 45, 90; **Danio:** Kr. 5, 12, 24; **Estonio** Emk. 100, 200, 800; **Finnlando:** Fmk. 22, 60, 120; **Francio:** Fr. 10, 25, 50; **Germanio:** Mk. 7,5, 15, 60 mil; **Hispanio:** P. 6, 15, 30; **Hungario:** Kr. 1000, 2000, 8000; **Italio:** L. 12, 30, 60; **Jugoslavio:** D. 22, 60, 120; **Latvio:** Lat. 1.50, 3, 12; **Litovio:** L. 1, 6, 24; **Nederlando:** G. 2.50, 6, 12; **Norvegio:** Kr. 5, 12.50, 25; **Pollando:** Pmk. 15, 30, 120 mil; **Rumanio:** L. 75, 150, 600; **Svedio:** Kr. 4, 10, 20; **Turkio:** P. 50, 150, 400; **Usono-Kanado:** D. 1, 2,50, 5. — El aliaj landoj oni pagu laŭ la oficiala prezo en svisaj frankoj.

La helpmembroj (HM) kategorio kreita favore al jenaj landoj kun tre malalta monkurzo: Aŭstrio: Kr. 7000; Bulgario: L. 15; Estonio: Mk. 40; Germanio: Mk. 2500; Hungario: Kr. 400; Latvio: Lat. 0.50; Litovio: L. 1 H; Pollando: Mk. 5000; Rumanio: L. 25; Turkio: P. 20. La HM ĝuas ĉiujn rajtojn escepte la ricevon de la jarlibro, gazeto kaj enskribon en la interrilata adresaro.

La Entreprenoj de UEA (komercaj firmoj, societoj k. t. p.) pagas jare la oficialan aŭ nacian prezon kiel la MA. La Entreprenoj rajtas presigi tekston de 40 vortoj en speciala parto de la jarlibro kaj rajtas uzi la servojn de informpetado.

**Centra Oficejo:** *12, Boulevard du Théâtre, Genève (Svislando) — Bankkonto: Société de Banque Suisse, Genève. — Svisa Poŝtĉeko: I. 2310. — Poŝtĉeko en Aŭstrio: Postsparkassenamt Wien, Konto 105439. — Poŝtĉeko en Ĉeĥoslovakio No. 79236, Praha. — Poŝtĉeko en Germanio: No. 90850, Frankfurt am Main. — Poŝtĉeko en Pollando: No. 190576, Warszawa.*

---

**Novaj prezoj.** — Ni komunikas la jenan ŝanĝon de prezoj en:

| | HM | M | MA | MS | |
|---|---|---|---|---|---|
| Germanio: | 2500 | 7500 | 15000 | 60000 | germ mark. |
| Hungario: | 400 | 1000 | 2000 | 8000 | hung. kron. |
| Polio: | 5000 | 15000 | 30000 | 120000 | pol. mark. |
| Rumanio: | 25 | 75 | 150 | 600 | rum. lei. |

**Garantia kapitalo.**

*Dua serio:*

| | Frankoj |
|---|---|
| Antaŭa listo: | 3900.— |
| 14. S-ro S. A. Vinzent, San Francisco | 300.— |
| | Fr. 4200.— |

**Kotizoj por 1923.** — Je la 30 marto estis enkasigitaj: 59 kotizoj de Helpmembroj, 956 de Membroj, 3081 de Membro-Abonantoj kaj 117 de Subtenantoj, sume 4213.

Sama epoko 1922: 3912.

**Statistiko de la poŝtajoj.** — Movado de la poŝtajoj dum marto 1923: Ricevitaj: 894, forsenditaj: 1962, entute: 2856.

**Subtenantoj.**

*Kvina listo:*

99. S-ro Zoffmann, Kolding. 100. S-ro Ed. Ch. Mawbey, Johannesburg. 101. S-ro W. J. Pratt, Dundee. 102. F-ino Belen Fernandez, Habana. 103. S-ino M. de Villa, Habana. 104. S-ro J. M. de Villa, Habana. 105. S-ro Alegret, Baez, Cuba. 106. S-ro Sievers, Braunschweig. 107. S-ro Alf. Hansen, Aalborg. 108. S-ro Pedro Gomez, Buenos-Aïres. 109. S-ro A. Villafranca, Buenos-Aïres. 110. ?, Reichenberg. 111. S-ro P. Marly, Bordeaux. 112. S-ro G. Tsukamota, Port Said. 113. S-ro D. Thomas, Cardiff. 114. S-ro C. M. Houghton, Abadan. 115. S-ro J. V. Merlotti, Coronel Pringles. 116. S-ro C. Winberg, Bengtfors. 117. Sino F. A. Baker, Troy.

**Enkasigo de kotizoj.** — Konforme al la statuto, Art. 11, la Centra Oficejo sendas ĝis fino de majo al ĉiuj membroj, nepagintaj la kotizon ĝis 25 majo, rememorigan cirkuleron.

Kie la enkasigo per la poŝto estas ebla ni sendas dum junio repagilon, aldonante la poŝtelspezojn. Por helpi la varbadon de *Subtenantaj Membroj* aŭ instigi je aliĝo al tiu klaso ni decidis sendi premion de 7 valoraj libroj inter ili la nove eldonitan „Historio de la lingvo Esperanto“ de Edmond Privat. Ni forte esperas, ke nia alvoko trovos kontentigan akcepton.

*Genève, 25a de aprilo 1923.*

*H. Jakob,*
Ĝenerala Sekretario de UEA.

---

## Oni laŭdas!

*Ni presigas en ĉi tiu senpaga rubriko dankojn nur pri gravaj servoj plenumitaj de delegitoj.*

Ge-roj **Döring**, Freiburg im Breisgau, kun filineto kore dankas pro la afabla akcepto, kiun ili trovis dum sia vojaĝo tra Svisujo ĉe sinjoroj: Carlo Bassi, Lugano; Carlo Gilà, Locarno kaj Eduard Stettler, Bern.

Ge-roj **Alfred kaj Jennie Egg-Wells** en Rieden bei Baden (Svis.) kore dankas la delegitojn S-roj Heine, Bruxelles, Heitmüller, Bremen, Albert E. Hepton, Hull, Henri Petiau, Gent, F. C. Rhodes, Keighley, kaj membrojn S-roj Emil Müller, Zürich kaj Groverman, Gent, por vojaĝaj informoj, akcepto kaj gvidado, gastigo kaj diversaj servoj.

S-ro **Thomas,** del. en Clermont-Ferrand, kore dankas al ĉiuj delegitoj kiuj respondis al la cirkulero sendita de li kaj ankaŭ skribis al la firmo Michelin. Tio multe faciligis al li la poresperantan propagandon ĉe tiu grava firmo.

S-ino **Farges,** Lyon, S-ro **Balkanyi,** Budapest, S-ro **Bouvier,** Genève, S-ro **Holmes,** Bradford, S-ro **Kenn,** Pekin, S-ro **Klajiĉ,** Zagreb, S-ro **Sklenĉka,** Hradec Králové, k. m. a. ĉeestintoj de la Konferenco de Venezia esprimas koran dankon al S-ro Bonnini, del. de UEA en Venezia, kaj al la membroj de la Esp. Grupo de Venezia pro ilia afabla akcepto kaj sindonema helpo.

---

## Esperantista Vivo.

**Naskiĝoj.** — Al Ge-roj *Roig P. Câmpo* en Barcelona naskiĝis filo nomita Helios.

Al Ge-roj *Hipsley* en Stockholm naskiĝis filino nomita Ingrid May.

Al Ge-roj *Segura José* en Barcelona naskiĝis filino nomita Teresa.

**Edziĝoj.** — F-ino *Else Hohenwarter* kun S-ro *Franz Watzinger*, instruisto, VD. de UEA, Villach, Aŭstrio.

F-ino *Marie Kirt*, VD. en Tartu kun S-ro *Johannes Opman*, komercisto en Tartu (Estonio).

F-ino *Esther Pearlman* kun S-ro *Albert M. Koliner* en Detroit, Mich., Usono.

**Honorigo.** — Membro S-ro *Josef Řebiček*, fervoja ĉefkonsilanto iĝis laŭ ministeria dekreto estro de komerca fako de ŝtata fervoja direkcio en Olomouc.

## Niaj mortintoj.

Kun bedaŭro ni ricevis informon pri la morto de jenaj samideanoj. Al iliaj familioj ni sendas la esprimon de niaj respektplenaj kondolencoj.

S-ro **August Tenneberg** mortis 27-jara la 31an de marto pro ftizo ĉe Rakvere (Estonio). Li bone konis nian lingvon kaj estis diplomita de Esp.-Instituto de Finnlando. Ankoraŭ dum la XIVa en Helsinki, kiun li partoprenis, neniu povis suspekti, ke lia sanstato estas tiel malesperiga.

S-ro **Johannes Saar** mortis subite je la aĝo de 70 jaroj en Tallinn. Konante preskaŭ neniujn fremdajn lingvojn krom la estona, li tamen ellernis Esp., partoprenis la XIVan en Helsinki kaj eĉ aliĝis al la XVa. La 8. IV. li partoprenis kiel oficiala delegito de la loka societo la ĝeneralan kunsidon de Esperanto-Asocio de Estonio, bonhumore kiel ĉiam. La 12an de aprilo li mortis pro apopleksio.

S-ro **Carlo Clerico,** teologiisto, malnova esperantisto, mortis 61-jara en Villastellone (Italio).

S-ino **J. Nováková,** edzino de nia malnova samideano Fr. Novák, horloĝisto en Praha. Ŝi estis oferema kaj fervora esperantistino, ŝi multe laboris por la sukceso de la XIIIa Universala Kongreso. La Loka Kongresa Komitato kaj la Esperanto-Klubo de Praha metis florkronon sur ŝian ĉerkon, kaj la reprezentantoj de la lokaj esp. societoj diris adiaŭajn vortojn.

S-ino **Fernanda Klingenberg,** vidvino de nia multjara delegito Br. Jhss. Klingenberg, mortis la 3an de septembro 1922 en sia 78a vivjaro. Kvankam ŝi mem ne estis esperantistino, ŝi ĉiam fidele kunhelpis sian edzon pri lia per- kaj poresperanta agado kaj eĉ, fariĝinte vidvino, daŭrigis en lia nomo la pagadon de jarkotizo al UEA.

S-ro **Emil Eugen Johnsen,** tipografo, mortis la 13an de marto 1923. Li iam estis oficisto en Presejo Aar & Wahl, kie li i. a. havis la taskon komposti la tekston de „Norv. Esp."; tiamaniere li ekinteresiĝis pri Esperanto kaj lerninte ĝin fariĝis al ni valora helpanto. Ankaŭ kiel iama administranto de Esp.-eld. „Agado" li estas citinda.

S-ro **G. O. Gosling,** delegito en West Malling, Kent, mortis la 20an de februaro.

S-ino **Léa Perrenoud** en Le Locle (Svislando), patrino de nia delegito kaj kunlaboranto S-ro W. Perrenoud en Cernier.

Sro **Nuncio Barile,** bopatro de S-ro Fidia Cesarini en Potenca, mortis 81-jaraĝa.

**Kiam vi skribas aŭ sendas monon al Universala Esperanto-Asocio, ne adresu al nomoj de personoj laborantaj en la oficejo!**

## ŜAKO

Gvidanto: *Fr. Hájek,* Praha-Nusle, Přemyslovo nábř. 396. Ĉeĥosl.
Ĉion kio koncernas ŝakon, sendu senpere al la gvidanto.

**Problemo N-ro 71.**
*H. T. Bailey,* London.
(Originalo.)



Blanko matas per la 2-a movo.

**Problemo N-ro 72.**
*B. G. Laws,* London.



Blanko matas per la 2-a movo.

**Problemo N-ro 73.**
*M. Villemson,* Pärnu (Eston.)
(Originalo.)



Blanko matas per la 3-a movo.

**Problemo N-ro 74.**
*R. Svoboda,* Praha.
(Originalo.)



Sinmatigo per la 2-a movo.

*Solvoj de la problemoj:*

**N-ro 67:** 1. Ĉe4 — g5 ktp. Matante, la Ĉevaloj kvazaŭ dancas.
**N-ro 68:** 1. Db6 — b1 ktp. **N-ro 69:** 1. Ĉg5 — e4 ktp.
**N-ro 70:** 1. Td5, h3; 2. K × h3, h4; 3. Ke6, h3; 4. c3, Rb3; 5. Td2+, c4; 6. Tb2+, a × b2 mato.

Bele aplikita *hinda ideo.* La problemon estas necese korekti almetante ankoraŭ blankan Peonon sur a5 kaj Peonon nigran sur a6 por eviti duasolvon 1. c2 — c3 kaj 1. Td1 — d6.

*Alvenis ĝustaj solvoj de la problemoj:*

N-ro 61 ĝis 65 O. Poláček; 61, 64 V. Čánský, Praha (Ĉeĥ.);
62 ĝis 65 J. Rautio, Suomenlinna (Finnl.);
62, 64, 65 M. Villemson, Pärnu (Eston.);
62, 63 H. Palitza, Kraków (Pol.);
62, S. Frantz, Paris (Franc.)

*Korespondoj kaj rimarkoj:*

S-ro Chmellarz atentigas, ke la probl. 34 Bailey havas antaŭulon en la verko de A. C. White kaj J. C. Wainwright: Bl. Rh6, Df6, Ta4, h4, Kb1, f8, Ĉa2, g2, Pb5, d2, g5, Ng. Rd5, Dc3, Td1, d8, Kg1, Ĉc2, e2, Pc4, d4, b7, e4, e5, g3. Mato per la dua. — La solvo de la probl. 61 per 1. De1 c1 ne estas ebla pro la defendo Ĉb4 — c2 sen mato. Same probl. 63 ne solviĝas per 1. d7 — d8D pro Kb6 × a7. — S-ro Bailey. La kvaroblaĵoj ne trovas sufiĉan aprobon, tial ne estas eble ilin uzi. La verkoj de S-ro Laws estas bone konataj, sed, ĉu S-ro Laws ne trovus en sia paperujo originalan formetotaĵon por honori per ĝi nian anguleton? — S-ro M. Sitera, Omaha. Gazeton afable senditan ricevis. Koran dankon! — S-ro H. Palitza, Krakovo. Ankoraŭ ne ekzistas esp. lernolibro pri ŝakludo. En j. 1909 aperis sole kolekto da 60 problemoj de Paluzíe, ĝin eldonis Filoj de Paluzíe, str. Diputació 337, Barcelono (Hisp.). Peono = Bauer, sinmatigo = Selbstmatt. Pluran klarigon vi trovos en nia gazeto de novembro 1920 kaj novembro 1922. — S-ro Svirchevski, Le Kef. Ĉu vi ricevis? —

# REKLAMO

Nur anoncoj kun *samtempa* pago estas notataj. Ni akceptas la anoncojn laŭ la disponebla loko kaj ne povas garantii la aperon en difinita numero. Ni ne sendas pruvnumerojn kaj rekomendas al la anoncantoj aboni nian gazeton. Ni ne akceptas respondecon pri la sekvoj de anoncoj.

## TARIFO.

### Oficialaj prezoj en svisaj frankoj.

**Korespondado:** Unu enskribo (la adreso kaj ne pli ol 5 vortoj) Fr. sv. 0.75. — Por ĉiu plia linio (= 10 vortoj) Fr. sv. 0.50.

**Petoj kaj Proponoj. — Internacia Komerco:** Unu linio (= 10 vortoj) Fr. sv. 0.50.

**Grandaj anoncoj:** Unu kolono-larĝeco: Fr. sv. 2.00 po centimetro da alteco.

### Naciaj prezoj por la 3 kategorioj.

**Aŭstrio:** Kr. 2000, 2000, 10000. **Belgio:** Fr. 1.50, 1.—, 4.—. **Britio:** Ŝ. -|6, -|5, 1|6. **Bulgario:** L. 10, 8, 40. **Ĉeĥoslovakio:** Kr. 2.50, 2.—, 7.50. **Danio:** Kr. 0.75, 0.50, 2.—. **Estonio:** Mk. 15, 15, 40. **Finnlando:** Mk. 5, 4, 12. **Francio:** Fr. 1.50, 1.—, 4.—. **Germanio:** Mk. 100, 100, 400. **Hispanio:** Pes. 1.—, 0.75, 2.50. **Hungario:** Kr. 75, 60, 250. **Jugoslavio:** D. 4, 3, 15. **Italio:** L. 2, 2, 6. **Latvio:** Lat. 0.30, 0.25. **Litovio:** Lit. 0.50, 0.50, 2.—. **Nederlando:** G. 0.35, 0.25, 1.—. **Norvegio:** Kr. 0.80, 0.60, 2.—. **Pollo:** Mk. 300, 300, 1000. **Portugalio:** Esk. 2.—, 1.50, 5.—. **Rumanio:** L. 8, 6, 25. **Rusiando:** laŭ tarifo por Germanio. **Svedio:** Kr. 0.60, 0.40, 1.50. **Svislando:** vidu oficialajn prezojn. **Usono kaj Kanado:** D. 0.15, 0.10, 0.40.

## KORESPONDADO.

*MALLONGIGOJ* L = *letero*. PK = *poŝtkarto*. PI = *poŝtkartoj ilustritaj*. PM = *poŝtmarkoj*. bfl = *poŝtmarkoj sur bildflanko*. k. ĉ. l. = *kun ĉiuj landoj*. Esp-aĵo = *Esperantaĵo*.

Atentigo!

La personoj anoncantaj havas la moralan devon respondi almenaŭ unuloje al la ricevitaj petoj, klarigante ĉu ili deziras aŭ ne deziris daŭrigi la korespondadon. Kiu ne respondas peton konforman al sia anonco, tiu malutilas al la internacia korespondado per Esperanto.

### Aŭstrio.

**Wien VII.** — S-ro Robert Eckert, Stiftgasse 8, PI k. ĉ. l.

### Bulgario.

**Rahovo.** — S-ro Dimitr Dinulov, libristo, PI, L k. ĉ. l. pri ĉiaj temoj kaj precipe socialisma disvastiĝo en ĉiu lando.

### Ĉeĥoslovakio.

**Bzenec.** — S-ro Z. Prokop, studento, PM, PI k. ĉ. l.
**České Budějovice (Mladé).** — S-ro Josef Nádvorka, Husova tř. 38, PI, L k. ĉ. l., bfl.
**České Budějovice.** — S-ro Karel Hanzalik, Žižkova tř. 38, PI, L, bfl k. ĉ. l.
**Deutsch-Paulowitz** ap. Hotzenplatz. — F-ino Em. Fellmann, instruistino, PI, Esp.-gaz.
**Jägerndorf,** Silezio. — F-ino Lotte Just, instruistino, Leobschützerstr. 1, PI, Esp.-gaz.
**Jägerndorf,** Silezio. — S-ino Elise Schwarz, Herrengasse, PI, Esp.-gaz., kostumoj naciaj.
**Jägerndorf,** Silezio. — F-ino Elfriede Wünsch, Olbersdorferstr, PI, Esp.-gaz., PM.
**Jägerndorf,** Silezio. — S-ino Else Horn, dentistino, Minoritenplatz 14, PI.
**Jägerndorf,** Silezio. — S-ino Berti Rotter-Waschmann, Elisabethplatz, PI, muzikaĵoj, kantoj.
**Kyjov.** — S-ro profesoro Kl. Urban serĉas korespondantojn por siaj gestudentoj.
**Landskron,** Bohemio. — S-ro P-ro D-ro Alfred Grimm, Herrengasse 1, pri naturhistorio, botaniko, kontraŭalkohola kaj tabaka movado.
**Landskron,** Bohemio. — S-ro Erich Koblischke, instruisto, Schillerstr., kun samfakuloj.
**Öröš Ž.** Zemplén (p. Nagygéres). — F-ino Maria Pál, PI (prefere L) k. ĉ. l.
**Praha II.** — S-ro V. Echtner, Hálkova 7|II, PI, L k. ĉ. l. ĉiuteme.
**Praha II.** — S-ro B. Paleček, Vyšehradská 49, PI, L k. ĉ. l. ĉiuteme.
**Praha-Vinohrady.** — S-ro A. Janoušek, Komenského 31, PI, L ĉiuteme k. ĉ. l.
**Přibyslav u Něm. Brodu.** — S-ino Anděla Prošková, L, PK, PI k. ĉ. l.
**Přibyslav u Něm. Brodu.** — F-ino Manjo Rosendorfská, L, PK, PI k. ĉ. l.
**Přibyslav u Něm. Brodu.** — F-ino Vlasta Pohořelá, placo 39, L, PK, PI k. ĉ. l.
**Přibyslav u Něm. Brodu.** — F-ino Jarča Rozová, L, PK, PI k. ĉ. l.
**Přibyslav u Něm. Brodu.** — S-ro Filip Fiala, ŝparkasa kasisto, L, PK, PI, PM k. ĉ. l.
**Vysokov-Náchod.** — S-ro Josef Kejdana, PM k. ĉ. l.

### Finnlando.

**Helsinki.** — S-ro Arne Strandholm, Vironkatu 5, O. T. K., PM k. ĉ. l.
**Joensuu.** — F-ino Aino Mustonen, PI, L k. ĉ. l.
**Kotka.** — F-ino Tyyne Waisanen, Kyminsuu, PI, L k. ĉ. l.
**Kotka.** — F-ino Bertha Pitkänen, Jumalniemi, PI, L k. ĉ. l.
**Kotka.** — S-ro Hjalmar Outinen, Kyminsuu, PI k. ĉ. l.
**Kymi.** — F-ino Aino Arponen, Kalliokoski, PI, L k. ĉ. l.
**Utajärvi.** — F-ino Aino Markus, L, PI, PK k. ĉ. l.
**Utajärvi.** — F-ino Aino Kukkoaho, L, PI, PK k. ĉ. l.
**Viipuri.** — S-ro Esa Roisko, Koivistontie 5, PI, L k. ĉ. l.

### Francio.

**Salbris** (Loir-et-Cher). — S-ro J. Emy, k. ĉ. l. (pri ĝardenkulturo).

### Germanio.

**Berlin O. 34.** — S-ro Otto Nitsche, Petersburger Str. 46, PM, ĉiam resendas saman kvanton.
**Bremen.** — S-ro Ferd. Hahn, Riensbergerstr. 22, interŝanĝadas sincere PM.
**Bremen.** — S-ro Fried. Hahn, Riensbergerstr. 22, korespondadas kun ĉiu.
**Buer-Hassel.** — S-ro G. Rösner, Oberfeldingerstr. 31, PI, L, PM k. ĉ. l.
**Buer-Hassel.** — S-ro Rich. Kleinwächter, Arndstr. 19, PI, L k. ĉ. l.
**Frankfurt a. M.** — S-ro C. Hildebrandt, Göringstr. 1, III, PM, rifuzas senvalorajn PM.
**Harburg-E.** — F-ino B. Bruns, Elisenstr. 6, L, PI k. ĉ. l.
**Harburg-E.** — F-ino E. Kowitz, Heinrichstr. 6a, L, PI k. ĉ. l.
**Honnef a. Rh.** — S-ro A. Jonas, Schulstr. 62, kun artamantinoj en Ekstereŭropo.
**Magdeburg-W.** — S-ro Horst Gebauer, Grosse Diesdorfer Str. 221 (mandesegnaĵoj kun artistoj ĉ. l.).
**Potsdam.** — S-ro Walter Friedrich, Reiter-Regt. 4, M.-G.-Zug, PI, PK, L k. l. l.
**Radebeul** ap. Dresden. — S-ro Felix Grimm, PI, L, bfl.
**Radebeul** ap. Dresden. — S-ro Fritz Pfaffendorf, PI, L.
**Radebeul** ap. Dresden. — S-ro Joh. Becker, PI, L.
**Radebeul-Oberlössnitz** (Sachsen). — S-ro Willy Heinze, inĝeniero, Bennostr. 29, L, PI, PM k. ĉ. l.
**Röntgental** b. Berlin. — S-ro R. Mahns, Schillerstr. 21, PM, ne malpli ol 100.
**Wurgwitz-Dresden.** — S-ro A. Wolf, komercisto, 5, P, PI, L, PM, monerojn, monbiletojn kun eksterlando.
**Zittau** (Sachsen). — S-ro Ali Akber b. A. Ehm, Poŝtfako 105, L, PI, bfl, esp-aĵoj, PM k. ĉ. l.

### Hispanio.

**Barcelona.** — S-ro Manuel Peris, Wad-Ras 152-1, PI k. ĉ. l.
**Barcelona.** — S-ro José Coll, Pujadas 90-1-2, PI k. ĉ. l.
**Cadiz.** — S-ro Raymundo Sbert, C. Colon 16-2, juna kuracisto kun gejunuloj PI, L, esperante, france, angle.
**Huesca.** — S-ro Antonio Betrán, Padre Huesca 61, PM, PI k. ĉ. l.
**Santander.** — S-ro José E. Pedraz, nun: Steamer „Elcano", 40 Mincing Lane, London E. C. 3, PM.

### Hungario.

**Pecs.** — F-ino Elizabeto Bertalan, Apáca u. 13, dez. koresp. PI, bfl, PK, L k. ĉ. l.

### Italio.

**Padova.** — S-ro Gobbato Tullio, Via Fabbri 1, PM k. ĉ. l.
**Pisa.** — S-ro Cesare Moschini, Casella Postale 1, PI kun fraŭlinoj, papermonoj.

### Jugoslavio.

**Novi Sad.** — S-ro Emeriko Füry, Futoški put 18, PM, PI, fot-aĵo k. ĉ. l.
**Novi Sad.** — F-ino Margarethe Driszler, Željeznička ul. 96, PI, L.
**Novi Sad.** — F-ino Noszák Teruska, Daničic ul. 12, PI, L.
**Novi Sad.** — S-ro Stefano Klenk, Nemačka ul. 14, PI, PM.
**Novi Sad.** — S-ro Göttel Vilmos, Željeznička ul. 98, PI.
**Novi Sad.** — S-ro A. Zeisler, Lazareva ul. 14, Štamparija „Zastava", sendas PM kontraŭ esp.-glumarkoj. Atendas unuan sendaĵon.
**Zagreb.** — S-ro Jozef Matijašec, Nova cesta 132, L, PI, PM k. ĉ. l.

### Pollando.

**Bialystok.** — A. Babkes, Prózna 3, PM, PI, papermono.
**Wielle 64** (Pomorze). — F-ino Kamila Wallenstein, pow. chojnicki, ĉ. l. PM, monojn, mi resendos PM, monojn, polgazetojn, PK, sed nur kun honoraj gesamideanoj.
**Wielle 64** (Pomorze). — S-ro Seefried Wallenstein, instruisto, pow. chojnicki. Sincera interŝanĝo de PM precipe kun Aŭstrio, Estonio, Finnlando, Jugoslavio, Latvio, Litovio, Rusio, Ukrainio; monojn k. ĉ. l.

### Svislando.

**Lugano.** — S-ro Aloysio Cappello, Dir. de la jurista Societo „La Difesa", via Maghetti 2, PI, PK, PM, esp.-aĵoj kaj fotografaĵoj (sportoj, belartoj, pejzaĝoj ktp.).

### Ameriko.

**Banfield F. E. S.** (Argentino). — S-ro José Bayón (Pintor), panoramaj PI, PM k. ĉ. l. Vidu „Petojn kaj Proponojn".
**Buenos-Aires** (Argentino). — S-ro Eladio Vitienes, Victoria 1353, 21 jara, PI, L pri interesaj temoj kun fraŭlinoj.
**Buenos-Aires** (Argentino). — S-ro Giordano B. Lopez, San Juan 1874, PI, PM k. ĉ. l.
**Buenos-Aires** (Argentino). — S-ro E. Magem, Lavalle 1826, PI, L, gaz., libroj k. ĉ. l.
**Buenos-Aires** (Argentino). — S-ro José Catala, Calle Uriarte 485 Talleres F. C. S., PM rekomendite.
**Buenos-Aires** (Argentino). — S-ro Juan Navarro, Calle S. Martin 485 Talleres F. C. S., PM rekomendite.
**Moundsville, W. Va** (Usono). — S-ro Herbert M. Scott, 1312 Purdy Ave., kunredaktoro de Amerika Esperantisto, PM, prefere kun malnovaj filatelistoj aŭ ekstereŭropanoj. Nepre ne sendos unue.
**Perez Millan B. A.** (Argentino). — S-ro S. Rodriguez, pri abelkulturo k. ĉ. l.
**Rockford Ill.** (Usono). — S-ro K. Fröding, 419-7th Str., deziras korespondi pri vortaro lignaĵista kun fakuloj.

### Aŭstralazio.

**Melbourne** (Aŭstralio). — S-ro Charles Swain, Education Office, k. ĉ. l. L, PI, PM.

### Azio.

**Barnaul** (Altaja, Siberio). — S-ro P. A. Kazanskij, instruisto de geografio, Suzunska, PI, geografiaj bildoj kaj lernolibroj.

**Ĥarbin** (Ĉinio, Manĝurio). — F-ino Rimma Morozova, instruistino de komerca rusĉina lernejo, L k. ĉ. l. Adreso: per Inocento Seriŝev, poŝte restante, New Town.

**Mastusaka** (Japanio, Mieken). — Anoj de Esp.-Grupo en komerca lernejo. PI, L. Sendi al S-ro Hideo Kamo, Matsusaka Shoggo Gakko.

**Osaka** (Japanio). — Anoj de „Sumitomo Esp.-Grupo", PI, L. Sendi al S-ro T. Yamadu, ĉe Sumitomo Bank.

**Vladivostok** (Siberio). — S-ro S. Golubcov, Societo „Espero", interŝanĝas naciajn proverbojn k. ĉ. l.

## JUNULA KORESPONDADO

**Por ĉi tiu rubriko rezervata al junuloj maksimume 17-jaraj oni bonvolu indiki la aĝojn.**

**Barnaul** (Altaja gub. Siberio). — 40 geknaboj 12-15 jaraj, PI. Sendi al S-ino V. Seriŝeva, instruistino.

**Ĥarbin** (Ĉinio, Manĝurio). — 13-jaraj knaboj, Zuev, Belokopitov, Ĥaĥepi kaj Brjanĉaninov, PI, PM. Sendu al pastro Inocento Seriŝev, New Town, poste restante.

**Praha II** (Ĉeĥoslovakio). — F-ino Julie Šupichová, Malá Štěpánská 6 n, serĉas por siaj 39 lernantinoj 14-15 jaraj korespondon per PI.

**Verviers** (Belgio). — 20 geknaboj 13-14 jaraj L, PI, kun samaĝuloj ĉ. l. (krom Germanio, kun kiu oni jam multe korespondas). Sendu unue al S-ro Jos. Hérion, rue des Raines 8, Verviers.

**Wurgwitz-Dresden** (Germanujo). — S-ro Krumbiegel, instruisto kaj 40 infanoj, 12—15-jaraj, PI, L, PM kun eksterlando.

## PETOJ KAJ PROPONOJ.

**Atentigo.** S-ro Francisko Csaŭth, Novi Sad, Jugoslavio, Petefijevo (Kazinci) ul. 3, petas ĉiujn siajn korespondantojn al kiuj li sendis PI aŭ PM, ke ili respondu tuj, alie li estos devigata komuniki ilian nomojn al la esperantistaro.

**Baldaŭ** eliros esperanta traduko de 25 poemoj de ĉeĥa poeto Machar: Ĉapitroj el mia romano. Kĉ. 7.—, Fr. sv. 1.10, Fr. fr. 3.20, Quido Lengsfeld, u. pi. Rackové, Něm. Brod, Ĉeĥoslovakio.

**Biblioteko** esperantlingva, 300 pecoj, vendas komercservo Böning, Libanonstrasse 45, Stuttgart, Germanio.

**Bindigu** viajn librojn per komercservo Böning, Libanonstr. 45, Stuttgart, Germanio.

**Bonfaremuloj ĉiulandaj.** Mi rekomendas la edukejojn por malriĉaj orfaj infanoj: St. Josefsheim v. d. Engeln (hejmo St. Jozefo de la Anĝeloj) en München 46, Riesenfeld 3, kaj St. Josefsheim (St. Franziskus) en Neukölln-Berlin, Delbrückerstrasse 44|45.

**100 poŝtkartojn** kun stelo kaj teksto „Esperanto lingvo internacia" afrankite por 0,6 usona dolaro, 100 pk. il. naciajn litovajn kaj naturajn por 1,5 dolaro liveras Kazys Jaŝkiavičius, Padovinio v., Mariampole, Litovujo. Pagu per nacia mono en rekomendita letero.

**Filatelistoj!** Kontraŭ 100—1000 poŝtmarkojn samlandajn mi sendos samkvanton de Hispanio laŭ Yvert 1923. Gabriel Alomar, Prezidanto de „Esperantista Klubo", Vallori 14, Palma de Mallorca, Hispanio.

**Filatelistoj.** Ĉiu kiu volas ricevi sudamerikajn PM, sendu al mi sendajon kun PM, sed mi nur interŝanĝas tiel: po du aŭ kvar nedisigitaj. Ne sendas unue. José Bayón, Banfied F. E. S., Argentino.

**Filatelistoj.** Havigu al vi PM-katalogojn, albumojn ktp. per komercservo Böning, Libanonstrasse 45, Stuttgart, Germanio.

**Filatelistoj.** Kontraŭ mondepono aŭ referencoj mi vendas belajn seriojn PM de Germanio aŭ okupitaj provincoj. C. Hildebrandt, Frankfurt a. M., Göringstrasse 1, III. Germanio.

**Filatelistoj.** Mi havigas ĉiujn germanajn neuzitajn PM riceveblajn ĉe la poŝtoficejo je samprezo plus 10 proc. kaj sendkostoj. Sendu bankbiletojn de via lando rekomendite. P. H. Herrmann, Margaretenstr. 23, Potsdam, Germanio.

**Filatelistoj.** Kiu sendos al mi 50—200 PM de sia lando, al tiu mi sendos saman kvanton de germanaj PM. Otto Hülsdell, Banitzastr. 12, Buer i. W., Germanio.

**Fotografaĵoj.** Alexander Struthers, Church Street 14, Partick, Glasgow, Britio. — Sendu tri malgrandajn fotografaĵojn de via lando, mi laŭvice sendos tri de Skotlando.

**Gelaboristoj — Geidealistoj,** kiuj jam petis broŝuron „Koopero en Etiko" eksciu, ke pro multaj diversaj demandoj pri kiuj tiu broŝuro ne sufiĉe kontentigus legantojn mi preparis „La pordego al Libereco" kiu respondas al ĉiuj el la jam ricevitaj demandoj kaj tial estos pli dezirinda por la petantoj. Mi dankas vin pro via pacienco kaj esperas, ke la prokrasto plene kompencos vin. Tamen se vi ne ricevos „La Pordego al Libereco" antaŭ la unuaj aprilaj tagoj vi scios, ke aŭ via adreso estis nelegebla aŭ la respondo pereis en la poŝtservo. Tiuokaze vi plezurigus se vi resendus nedubindan adreson. E. A. Young, Balboa Heights, Canal Zone, Panama.

**Grupoj.** La grupo de Ĥarbin, Ĉinio, deziras ricevi fotografaĵon de via grupo kaj nacilingvajn propagandilojn. Sendos fotografaĵon kaj ruslingvajn propagandilojn. Pastro Inocento Seriŝev, poste restante, New Town, Ĥarbin, Manĝurio. Ĉinio.

**Instruistoj.** Mi serĉas rilatojn kun geinstruistoj ĉl. por serioza korespondado pri fakaj temoj, interŝ. fakajn gazetojn, librojn kaj esp-aĵojn. F. Sielke, instruisto, Gdańska 23, Kartuzy (Pomorze), Pollando.

**Kolektantoj.** Sendu 3 fr. sv. en rekomendita letero kaj vi tuj ricevos 20 bele koloritajn PK kun ĉeĥaj naciaj kostumoj. Boh. Paleček, Praha II, Vyšehradská 49, Ĉeĥoslovakio.

**London E. C. 3,** José E. Pedraz, marpiloto, Vaporŝipo „Elcano", 40 Mincing Lane, salutas malnovajn gekonatojn, interŝ. PM avertante, ke pro longdaŭraj marvojaĝoj li ricevas ĉiujn korespondaĵojn prokrastitaj kaj tial ne povas respondi frue. El korespondaĵoj senditaj al Santander eble iuj perdiĝis.

**Naturamantoj.** Fotografaĵoj kontraŭ elektitaj PM. Broŝuro pri la mondkonata glacia groto de Dobšina kontraŭ 3 Kč., kun fot-aĵoj 6 Kč. aŭ fot-aĵoj, Josef Michalsky, Levoča, Spiš. Nová Ves, ž. podatr. XIX., Ĉeĥoslovakio.

**Novan libreton** „Tri rakontetoj" kontraŭ 0.50 Fr. sv. sendas aŭtoro: V. Brejnik, Libochovice, Ĉeĥoslov.

**Pentristino** faras grandigitajn akvarelo-portretojn kaj ankaŭ miniaturojn laŭ fotografaĵoj. Prezoj moderaj! Kató de Zsigmond, Szinház-utca 25, Sopron, Hungario.

**Persajn poŝtmarkojn** sendas S-ro Ahmed Tarki Haŝim-zade, Rastakuĉe, Tabriz, Persujo, kontraŭ novaj internaciaj respondkuponoj: 500 miks. 15 resp.-kup., 1000 miks. 25 resp.-kup., kaj 100 div. 10 resp.-kup. Unue ne sendas. Interŝanĝas persajn ĉiuspecajn PM kontraŭ ilustritaj PK po grandnombre.

**Senfadena telefonio.** Mi intencas konstrui aŭdaparaton por t. s. f. kaj deziras kor. kun sam-ano kiu povus konsili kaj helpi al mi per sendo de instruaĵoj. Mi kompencos laŭdezire. Ankaŭ interŝ. PI, bfl, PM. Jacob Günther, Alte Friedrichstrasse 10, Breslaŭ 5, Germanio.

**Tabriz,** Persujo, S-ro Ali-Akber Nemseĉi, Del. de UEA, Ŝeŝklan 24, deziras aĉeti bone binditajn jarkolektojn de jenaj esp.-gazetoj: „Lingvo Internacia", „Bela Mondo" kaj „Juna Esperantisto", ĉiuj tri el fondo ĝis neapero; „Vegetarano" el fondo ĝis nuna tempo, ankaŭ esperantajn kaj esperantistajn fot-aĵojn (nur PK-grandecajn), aŭ sendas interŝanĝe persajn PM, PI k. a.

**Tabriz,** Persujo, S-ro Eitehare-Defter, sendas persajn PM, PI kaj belegajn interesplenajn fot-aĵojn el persaj vivoj, kostumoj, vidaĵoj, tipoj k. a., nure nur kontraŭ novaj fotografaj filmoj aŭ platoj (9 : 12 aŭ 13 : 18) de „Ilford", „Lumière" kaj de aliaj tre konataj firmoj. Informas personojn, kiuj ne kompreninte mian anoncon en N-ro 263|4 de „E" skribis dezirante la interŝanĝon de PM, pri ne atendo de respondo, ĉar mi ne anoncis pri interŝanĝo de PM.

**Vojaĝo.** — Profesoro Kl. Urban, Kyjov, serĉas kunulon por libertempa vojaĝado; li parolas esperante, angle, itale, germane; li povus paroladi kun lumbildoj pri Ĉeĥoslovakio.

## INTERNACIA KOMERCO

**Katalogojn** de maŝinoj por fabriki pajlkovraĵon de bier- aŭ vinboteloj petas S-ro H. Jagi, medicina fakultato, Imperia Universitato, Kioto (Japanio). Sendu ilin kune kun esperanta resumo. Samvaloran kompenson volonte mi sendos.

**Komercservo** Böning, Libanonstrasse 45, Stuttgart (leĝe registrita) peras ĉion, precipe elektromotorojn, ledajn klubseĝegojn, prizorgas asekurigojn kaj plenumas zorgeme komisiojn.

**Vendistoj!** Kulturisto serĉas agentojn por vendi francajn flor- kaj legomsemojn. Nur seriozaj reprezentantoj akceptotaj. J. Emy, Salbris, (Loir-et-Cher), Francio.

### La viro sur la palisaro.

Eksupozu, ke ĉiuj laboristoj en la vastega mondo vekiĝus morgaŭ matene kun nur konvinko en la menso kaj permesu, ke tiu konvinko estu por la socialista doktrino! Supozu, ke ĉiuj sopirus al la feliĉeco kaj justeco entenata en la promeso socialista.

Ke tio estas ebleco nur en la sfero de konjekto mi konstatas tiel klare kiel vi, kara leganto, kaj mi ankaŭ konstatas bone, ke estos la fajfegoj de la fabrikejoj kiuj alvokos nin ree morgaŭ kaj postmorgaŭ — tamen nur permesu momente, ke ni imagu, ke la plebejaro volas ĉele posedi kaj administradi la ilojn per kiuj ili fabrikas siajn bezonaĵojn kaj nutraĵojn. Ni klopodas senfine por influi la homojn ekdeziri tion sed eĉ se ili ja volus tion ĉu ili *povus* administradi la aferojn por gajni la ŝancon? Ĉu la laborantoj havas la fertecon kaj klerecon postulantan de tia komplika afero kia estas nuntempa socio?

Vi eble respondas jese, eble nee, tamen vi konsentos, ke la laborantoj de la mondo nepre trovos la taskon pli malpli facila laŭ la instruo kaj ekzercado kiujn ili havis antaŭ la kriztagoj.

Estas hodiaŭ en la mondo unu loko kie la laborantoj efektivas la kooperan sistemon kaj laborante lernas. Ili laboras kun ardo kiu igas la tienaskituloj malfermi la buŝojn kun mirplena „Kio okazas al ili?".

La fajfo sonas; iam la laborantoj haltas, ili daŭrigas labori neatentante je la horo; dimanĉe, festtage, kaj ĉe la laboro ili ridkantetas sed, ial, oni ne aŭdas eĉ unu vorton pri la filozofio de socialismo.

Kaj la tienaskituloj rigardas la infanojn en la kampoj lernante kulturi la kreskaĵojn kaj tiujn en la urbeto lernante brikmasoni kaj tiujn en la fabrikejoj lernante fari la ledon kaj fabriki la ŝuojn kiujn ili poste surhavos kaj ĉi tion farante sen la direkto de ekspluatisto tute sen kompreno pri la signifo de tiu neŝancela gaja laboro aŭ la fakto, ke la laboraĵo estas nur por la laboranto.

Se tiuj tienaskituloj aŭskultus, ili aŭdus tiam kaj ree vorton aŭ frazon el fremda lingvo, kaj se ili ĉeestus kunvenon de la maturuloj ili aŭdus ideojn tiel fremdajn al ili kvazaŭ tiuj estus ĉerpitaj el la sanskrita, sed ili vidas nenion, aŭdas nenion, imagas nenion escepte, ke tiu ĉi stranga popolamaso estas frenezularo kiu laboras kvazaŭ la diablo pelus ĝin.

Kelkfoje kiel je okazo kiam tiu ĉi tienaskituloj kondukas solenan enterigon de unu el la veteranoj de preskaŭ forgesita milito ili marŝas malantaŭ la muzikistaro kiun tiuj „frenezuloj" provizas kaj tiam ili ekscias, ke la „frenezuloj" estas ĝentilaj kaj amikemaj — spite, la fakto, ke ili laboras preter la limoj raciaj.

Ĉu estas iu leganto de tiu ĉi gazeto simila al la tienaskitulo? Ĉu oni povas rigardi tian laboron ne ekvidante eĉ la plej malgrandan signon pri la signifo de tiu ĉi „frenezeco"?

Sidiĝu sur la palisaro apud la tienaskitulo kaj eksciu por vi mem per lego de dektri mil vorta broŝuro kial liaj okuloj vidas sed ne komprenas.

Legu kaj lernu ĉu tio ne estas laŭ mia pretendo la plej grava universitato por kooperaj komunumaj konstruantoj kiun vi jam imagis. Petu la broŝuron per legebla adreso de **E. A. Young, Balboa Heights, Canal Zone, Panama.** Sendota kiel presaĵo kontraŭ du resp.-kup., kiel letero 4 resp.-kup., rekomendite 6 resp.-kup.

# LA PACEMA REKONSTRUADO DE LA MONDO

## Jen la celo de la Unisma Federacio

## per Unuiga Kooperativa Metodo!

Aludante al la industria problemo, antaŭ kelkaj jaroj verkisto konstatis, ke la mondo bezonas novan ideon kiu povos liberigi la popolan menson por originala kaj sendependa pensado. Estas la dejorado de la ĵus fondata Unisma Federacio disvastigi edukade tian ideon por rapide kreskigi nacian kaj internacian unuecon. La ideo mem estas facile komprenebla de ĉiuj kiuj interesiĝas sin pri politikaj kaj industriaj aferoj kaj kiuj samtempe plene komprenas, ke pacema ekonomia rekonstruado estas necesa por enkonduki sendanĝeran mondpacon.

La Federacio prenas sian titolon de nova vorto — la Unismo — kiu esprimas la principon de kooperativa laboro inter la subtenantoj de la individualismo kaj la kredantoj de la socialismo. Ĉar, rilate al la demando pri la posedo kaj kontrolo de la industria kaj komerca maŝinaro, oni klare rimarkas tutmondan pretigon de potencaj grupoj por decidigo aŭ per leĝaj rimedoj aŭ per metodoj militemaj. La individualistoj intencas, ke la produktado kaj distribuado restu sub kontrolo de privataj personoj kaj grupoj. La socialistoj insistas, ke ĉi tiuj funkcioj estu kontrolataj iamaniere de la ŝtato aŭ komunumo. La popoloj diverslandaj estas dividitaj laŭ siaj propraj opinioj. Dume pro militoj, maltrankviligoj kaj necerteco la industrio kaj komerco ne sufiĉe kontentigas la homojn rilate al bezonoj ĉiutagaj.

La Federacio sugestas, ke efika metodo por atingi nacian kaj internacian kunlaboradon estas trovebla per kunligo de la principoj de la individualismo kaj de la socialismo t. e. per la Unismo, kiu liveras la jenan kooperativan kompromison:

a) La Individuo devas produkti.
b) La Komunumo devas distribui.

Jam ekzistas bona kaŭzo kredi, ke la plimulto da personoj povos interkonsenti pri la kontrolo de la industrio laŭ tiu ĉi formulo — almenaŭ dum la kriza periodo de mondrekonstruado.

a) Signifas, ke la popolo konsentos, ke ĉiaj produktivaj industrioj estu starigitaj, organizitaj kaj disvolvigitaj per privata mono-kapitalo kaj per la energioj de privataj individuoj aŭ grupoj. Individuoj, publikaj akciaj kompanioj, kooperativaj produktivaj societoj, metiaj sindikatoj kaj aliaj tipoj de produktantoj tiel daŭros eksperimenti. Paŝo post paŝo solviĝos la malsimplaj problemoj de interna organizado kaj de direkcia kapableco.

b) Signifas, ke la komunumo protektos ĝustmaniere ĉiujn produktantojn kaj konsumantojn per sistemo scienca de distribuado. Laŭ tiu ĉi arango ĉiaj funkcioj de disdonado, konservado kaj transportado estos komunume aŭ ŝtate kontrolitaj. Kiel gravaj eksperimentoj kaj spertoj jam pruvis oni povos fari uzon de la senperaj metodoj de spertulo kiel S-ro Hoover, samtempe utiligante la maŝinaron de la kooperativaj disdonadaj societoj. Komencante per la ĉiutagaj necesaĵoj popolaj la nova sistemo paŝo post paŝo etendiĝos kiel ebligos la sperto. Libera interŝanĝado de komercaĵoj disvastiĝos nacie kaj internacie tiel forigante danĝeran incitilon por militi.

Je la simpla metodo de la Unismo kaj ĉiuj kiuj konsentas *pri la principo* estas invitataj fariĝi anoj de la Federacio kiu propagandas du pluajn principojn reciproke akordiĝajn:

1. Nepartia registaro bazita je reprezenta parlamento per proporcia reprezentado; spertula administracio de ŝtataj fakoj.
2. Libera esprimado de opinioj kaj zorga konsiderado de aliaj reformemaj politikoj.

Ĉi tiuj principoj ebligos ĝustan reprezentadon por ĉiuj politikaj grupoj, kaj certigos, ke ĉiuj reformplanoj rilate al la tero, la financo, la edukado ktp. ricevos plenan konsideradon de popoloj kaj parlamentoj.

* * *

Iu entuziasmulo povos starigi tuj edukadan grupon de tri aŭ pli anoj. Ĉiu grupo devas esti sendependa kaj fari siajn proprajn regulojn kaj financajn aranĝojn. La ideo mem de la Unismo estas taŭga por originala pensado kaj diskutado kaj poste por uzado de tiaj disaj grupoj. Komuna kredo kaj deziro enkonduki paceman rekonstruadon al mondo tiel longe suferinta pro diversaj metodoj de la potenco estos la ligilo inter grupoj kaj individuoj.

Kiu helpos?

* * *

*(Senpagaj broŝuretoj pri la Unismo estas haveblaj ĉe honora organizanto S-ro Colin Unwin, Box 47, Fremantle, Western Australia (Okcidenta Aŭstralio). Bonvole demandu denove se broŝuretoj ne alvenos ĝustatempe pro malaranĝoj poŝtaj kaj aliformaj.)*

Esperanto-Presejo Paul Göring, Magdeburg-N